


# Etnismo

N-RO 21 INFORMILO PRI ETNAJ PROBLEMOJ 10.05.79

# TERORO, SED.....

Ne estas tre surprize ke multegaj homoj, aŭdante la vortojn "vaskoj", "irlandanoj", "bretonoj" aŭ "kurdoj", tuj kaj ofte ekskluzive pensas pri eksplodigoj, murdoj, unuvorte: t e r o r o. Facile tiuj ĉi personoj egaligas aktivistojn el la menciitaj aŭ similaj socigrupoj kun la "Baader-Meinhoff"-bando aŭ la italaj "Ruĝaj Brigadoj". Ĉu estas tro mensostreĉe vidi la diferncojn kaj cerbumi pri la fono?

Relative vastan toleremon, eĉ konsenton renkontas atencinto kontraŭ diktatoro: La publiko pretas heroigi tiujn kiuj aplikas armilojn kontraŭ tiranoj por laŭeble liberigi popolon de sub brutala jugo. Prave. Neniu seriozulo asertas ke Hitler, Mussolini, Franco, la blankaj kaj la ruĝaj caroj akceptintus ideojn por redemokratiigi la respektivan ŝtaton: La sola, efika rimedo estis/-us la violento, ĉu fare de murdo, ĉu pere de milito. Tiel apenaŭ leviĝis sincera lamentado kiam la vaska sekreta organizo ETA (t.e. "Euskadi Ta Askatasuna" = "Vaskio kaj la Libereco") kreis la unuan hispanan astronaŭton eksplodigante la aŭton de la hispana ĉefministro Carrero Blanco kaj mortigante tiun ĉi.

Por la eksteruloj la situacio ŝajnas komplete alia ekde la momento, kiam la koncernata ŝtato formale establas demokration, kun diversaj partioj kaj laŭeble komplika parlamenta proceduro, en la kadro de konstitucia teksto garantianta aron da fundamentaj rajtoj. Tamen, la rigardantoj facilanime pretervidas esencan mankon: Kiu konstitucio de la t.n. okcidenta mondo agnoskas la same fundamentan, homan rajton mem decidi, ĉu certa regiono pluapartenu aŭ ne al la koncernata ŝtato? Kiu konstitucio estas ĉi tiel demokratia?

Konkrete: Se pli ol 15 milionoj da hispanaj civitanoj aprobas konstitucian tekston kiu eksplicite determinas Hispanion kiel la ŝtaton de "la nedisigebla unueco de la hispana nacio" (artikolo 2), kelkaj centmiloj da vaskoj havas absolute neniun ŝancon venkigi la ideon de la etna memdeterminado! Se tra pli ol 100 jaroj la vaskoj spertis la psikan kaj - dum la lastaj 40 jaroj - la fizikan subpremadon sen vidi nun la plej malgrandan vojeton al etna memstareco, - se la vaskoj (kiel la aliaj enloĝantoj de Hispanio) ĉiutage vidas la samajn homojn en la samaj uniformoj sam-brutale bati kaj pafi kiel antaŭ 20 kaj 5 jaroj, - se la vaskoj (kiel la aliaj) vidas ke la frankistoj de antaŭ 5 jaroj surmetas nun la maskon de demokratoj: Ĉu vere eblas miri, indigniĝi pro la violenta reago de tiuj seniluziigitaj vaskoj? Kiujn rimedojn vi sugestas al ili? Evidente tiuj denaskaj minoritatoj ne povas imiti la "normalajn" politikajn malplimultojn: Ĉiu homo povas, kun aŭ sen pripenso, iĝi adepto de komunismo aŭ kristanismo aŭ liberalismo aŭ faŝismo, sed vi estas naskita kaj edukita kiel vasko aŭ kastiliano aŭ kataluno aŭ bretono sen povi konvertiĝi en alietnanon!

Certe, mi neniel pravigas la teroron uzatan de etnaj minoritatoj, sed mi ne povas ne atentigi pri la nemezurebla origina kulpo de la majoritatoj kiuj nomas sin orgojle demokratoj sen akcepti la etnan memdeterminadon.

u j m

# KONCIZE EL.....

STRASBURGO. La 18-an de januaro 1979 la prezidanto de la Eŭropa Parlamento admonis la britan socialistan deputiton Robert Thomas Ellis, el Rhosllanerchrugog, ĉar tiu ĉi parolis, dum kulturpolitika debato, la ..... k i m r a n. La tradukistoj, kompreneble, ne kapablis plenumi sian taskon. La prezidanto postulis ke Ellis uzu unu el la oficialaj lingvoj de la parlamento.

AREL. La etnista asocio "Arelerland a Sprooch" luktas de pluraj jaroj kontraŭ la malrespekto praktikata fare de la franclingvaj provinco Luksemburgio (sudorienta Belgio) koncerne la leceburg-lingvan minoritaton en pluraj dekoj da vilaĝoj. La asocio publikigas A-4-formatan bultenon stencilitan, parte leceburge, parte france, kun poemoj, artikoloj, lingvaj konsiloj kaj desegnaĵetoj. Jam aperis numero 13, t.e. la 1-a de la nuna jaro; ĉiujare oni eldonas 4 numerojn.

BREMEN. La platdiĉaj informoj elsendataj de Radio Bremen (komparu ETNISMO-n 2o, p. 8) estas ĉiusence interesega kontribuo al la aktualigo de regiona lingvo perdinta, de jarcentoj, la rolon de "totala esprimilo" favore al alia lingvo, la germana. La redakcio de tiuj dufoje semajne dissendataj informoj vidas sin antaŭ senĉesaj obstakloj, ĉar necesas seninterrompe krei aŭ almenaŭ adapti terminojn kaj transformi la kutime ege kunpremitajn esprimojn en popularajn dirmanierojn. Unuan esploreton ĉiteman publikigis Dieter Stellmacher sub la titolo "Klock halvig twölf: Tiet för de Narichten up Platt" (t.e. "La dekunua horo kaj tridek: tempo por la informoj en la platdiĉa") en "Der Sprachdienst", Wiesbaden, n-ro 12 de decembro 1978, p. 185 - 195.

PARIZO. En "UNESCO-DIENST" 1/1979, Bonn, p. 11 - 15, Derk Kinnane raportas pri diskutoj okazintaj dum somero 1978 en la UNESKO-domo en Parizo pri la problemaro de la arktaj popoloj. Oni atentigis pri la grandaj ŝanĝoj trudataj al sameoj, eskimoj, samojedoj, ĉukĉoj kaj aliaj pere de la modernaj teknikaj rimedoj kaj pro la motivoj de energi-serĉado. La nerespekto de la ekologiaj bezonoj en la arktaj regionoj estis insiste riproĉata: Pluraj riveroj estas jam tiel malpurigitaj ke vivo en ili maleblas, kaj en norda Skandinavio la bredado de boacoj estas serioze minacata. Alia problemego estas la ter-proprieto de la indiĝenoj ĝis nun preskaŭ komplete neagnoskita de la koncernataj ŝtatoj ĉirkaŭ Arktio. Oni kritikis la bonintencan, sed ofte netrafan okupiĝon pri arktanaj problemoj. Ĝeneralan laŭdon rikoltis la instituto pri sameaj aferoj en Kautokeino, norda Norvegio, kiun financas Islando, Danlando, Norvegio, Svedio kaj Suomio. Tie sameaj kompetentuloj esploras la kulturon de sia popolo. Evidente ankaŭ la problemo de la lingvouzo estis diskutita, kaj oni ekzemple menciis kazon de uzado de legolibro por blankaj mezklasaj usonanoj en medioj de eskimoj kaj indianoj. Konklude oni petis subtenon de UNESKO por ebligi ellaboron de analizoj kiuj helpu al la koncernataj popoloj konscie mem decidi pri siaj vivo, kulturo kaj estonto.

BILBAO. Dum fine de marto 1979 la deputito Marcos Vizcaya, de la Vaska Nacia Partio (PNV) ankoraŭ minacis la Madridan registaron per "civitana malobeado" kaze de "senkafeinigo" de la projekto pri vaska aŭtonomio, unu monaton poste la sama partio opiniis ke la ideo, eldirita de UCD-politikistoj, pri reenkonduko de la aŭtonomio-statuto de 1936 estas p o z i t i v a, kvankam tiu iama statuto estas malpli progresema ol la nuna projekto.

BARCELONO. La prezidento de la provizora "Generalitat" de Katalunio, Josep Tarradellas estas pli kaj pli kritikata flanke de la plej multaj partioj, ĉar li faras decidajn paŝojn por la restarigo de la veraj aŭtonomio-institucioj kaj ĉar li ŝajnas marioneto de Suárez.

# MADRIDA CENTRI-FUGILO




"NI VOLAS PLI!" povas esprimi la ĝeneralan sintenon de la andaluzoj.

Alejandro Rojas-Marcos, la ĉefa homo de la Socialista Partio de Andaluzio riproĉanta egoismon al Katalunio kaj Eŭskadio.



















El la vidpunkto de longe atendata demokratiigo, la pasintaj kvin monatoj estis eminente gravaj:

- La 6-an de decembro 1978, 26,5 milionoj da hispanaj civitanoj referendumis pri la konstitucia teksto jam parlamente akceptita. Triono de la rajtantoj sindetenis, kaj el la aliaj du trionoj 88 % akceptis, 8 % malakceptis (4 % de la voĉdoniloj estis nevalidaj) la fundamentan leĝon.
- La 1-an de marto 1979, okazis la unuaj parlamentaj balotoj surbaze de la ĵus aprobita konstitucio. Denove la nepartopreno ampleksis trionon. La ĝenerala rezulto ne ŝanĝis la politikan situacion, sed plifortiĝis la regionismo.
- La 3-an de aprilo 1979, la hispanoj elektis la unuajn demokratiajn municipajn konsiliojn post pli ol 40 jaroj. El iliaj delegitoj formiĝas la provincaj parlamentoj, kaj la aŭtonomaj regionoj kompletigos la tutŝtatan senaton per siaj apartaj reprezentantoj.

Ni rigardu iom detale la evoluon en la ĉefaj "problemujoj"

# GRANDIOZA VASKISTA VENKO

La parlamentaj balotoj iusence surprizis nin ne-inicitojn en du facetoj: Unue, ni esperis aŭ timis ŝanĝiĝon de la proporcio inter UCD, la partio de ĉefministro Adolfo Suárez, kaj PSOE, la partio de Felipe González, sed ĉio restis sama (UCD 168 seĝoj en 1977, 167 en 1979, PSOE 122 seĝoj en 1977, 121 en 1979). Due kaj plej interese por ni, la regionismo, kiu parte estas separatismo, plivastiĝis kaj pliprofundiĝis, almenaŭ en kelkaj regionoj.

Dum PNV (Vaska Nacia Partio) perdis unu seĝon en la Kongreso de Deputitoj, ĝi duobligis la nombron de siaj senatanoj de 4 al 8.
Plej gravas la grandioza sukceso de la tute nova balotkoalicio HERRI BATASUNA (t.e. POPOLA UNUECO), kiun, en 1978, kreis du legalaj kaj du nelegalaj marksistaj kaj samtempe vaskistaj partietoj. Tiu ĉi HB akiris, krom la 3 deputitaj seĝoj, ankaŭ unu senatanan! Preskaŭ memkompreneblas ke tiu HB-senatano estis elektita en la koro de Eŭskadio: Gipusko. Precize tie alia balotkoalicio, EUSKADIKO EZKERRA (MALDEKSTRO DE EŬSKADIO), perdis sian senatanon.
Tiu ĉi fenomeno klare atestas la evoluon en Vaskio: La aspiroj pri aŭtentika aŭtonomio restis ĝis nun neplenumitaj, kaj la tutŝtate ĉefaj partioj, UCD kaj PSOE, faras pli-malpli ĉion por prokrasti aŭ eĉ eviti vastan memregadon de la alietnaj regionoj, kaj responde tiuj ĉi, speciale Vaskio, obstine radikaliĝas.
Rezulte la vaskistoj havas absolutan plimulton en la provizora Asembleo de Vaskaj Parlamentanoj (t.e. deputitoj kaj senatanoj) de Arabo (Alava), Gipusko (Guipúzcoa) kaj Biskajo (Vizcaya):

| | Arabo | Biskajo | Gipusko | sumoj |
|---|---|---|---|---|
| PNV | 3 (2) | 7 (5) | 5 (4) | 15 (11) |
| PSOE | 1 (2) | 3 (4) | 2 (4) | 6 (10) |
| UCD | 4 (3) | 2 (3) | 1 (o) | 7 ( 6) |
| EE | o (o) | o (o) | 1 (2) | 1 ( 2) |
| HB | o (o) | 2 (o) | 2 (o) | 4 ( o) |
| (Parenteze: 1977) | | | | 33 (29) |

Ĉi tie ne estas indikitaj la nombroj koncerne Navaron, ĉar - kvankam ĝi estas konsiderenda parto de Eŭskadio - tiu ĉi provinco ne (jam?) aliĝis al la Vaska Ĝenerala Konsilio, la provizora aŭtonomi-institucio.



PRAVE TRIUMFANTAJ: LA ĈEFAJ HOMOJ DE HERRI BATASUNA, TELESFORO MONZON (MALDEKSTRE) KAJ FRANCISCO LETAMENDIA, EKSMINISTRO DE LA AŬTONOMA EŬSKADIO EN 1936/37 RESPEKTIVE DEMISIINTA DEPUTITO DE EE EN LA UNUA POSTFRANKISMA KONGRESO DE DEPUTITOJ DE MADRIDO EN 1977/78.

La tria HB-deputito estas la laboristo-pastro Pedro SOLABARRIA, kaj la HB-senatano estas la advokato Miguel CASTELLS.
Ĉiuj kvar HB-parlamentanoj ripete substrekis ke ili principe NE ĉeestos la Kongresajn kaj Senatajn kunsidojn en Madrido, kaj same ili rifuzis partopreni la kunvenon de la ABG-parlamentanoj por rekonfirmi la projekton de statuto de aŭtonomio, la 2o-an de marto 1979.




Dum la ĉi-jara ABERRI EGUNA, t.e. Tago de la Patrujo, grupeto da gejunuloj - ĉu hazarde antaŭ la sloganrubando de Herri Batasuna pri SENDEPENDECO? - bruligis hispanan flagon. HB asertas ke la farintoj ne estas ligitaj al tiu ĉi politika grupo kaj ke ĝi klopodis eviti tiajn agojn .....

La municipaj balotoj de la 3-a de aprilo 1979 eĉ plireliefigis la rezultojn de la martaj: En Bilbo (Bilbao), Gasteiz (Vitoria), Donosti (San Sebastián) kaj la plej multaj municipoj de la tri koncernataj provincoj la respektiva urbestro estas PNV-homo; en la grava urbo Hernani, apud Donosti, la kandidato de Herri Batasuna venkis, kaj en iuj industriaj municipoj de la maldekstra Nervión-bordo videblas malmultaj PSOE-municipestroj. En Navaro, simila bildo: Pamplono (eŭskere: Iruña) estos regata de PSOE-urbestro, kaj la plej multaj gravaj urboj havas ĉu socialistan, ĉu regionistan estron. - Ĝenerale estas konstatende ke la ĉefaj urboj kiel Barcelono, Madrido, Saragoso, Valladolid, Castellón de la Plana, Valencio, Alicante, Almería, Cádiz, Granada, Huelva, Jaén, Málaga, Albacete, Ciudad Real, Guadalajara, Palma de Mallorca, Murcia, León, La Laguna, Cartagena ktp. ktp. havas socialistan (PSOE) urbestron; elstaras la komunista (PCE) urbestro de Córdoba, la andaluzista (PSA) de Sevilla kaj la kanariista ("Unión del Pueblo Canario") de Las Palmas de Gran Canaria. - Kvankam tiom da homoj elektis municipajn konsilianojn el la tutŝtate opoziciaj partioj, la registara UCD regos la plej multajn provincajn parlamentojn pro la ne ekzakte proporcia delegosistemo de la provincaj parlamentanoj! Ĉiukaze la Suárez-registaro rapide reagis al la surprizo de urbestraj kontraŭuloj: Ĝi dekretis ke la ĉefoj de la municipoj havos neniun kompetentecon pri aferoj de la publika ordo, t.e. pri la intervenigo de la griza polico!

La rezultoj de Las Palmas de Gran Canaria kaj Sevilla dokumentas la "vekiĝon" de tiuj kanarianoj kaj andaluzoj kiuj jam delonge vidis sin regataj kaj ... seniluziigataj fare de la registaro kaj same de la socialista opozicio de la centra parlamento. Kuniginte la regionismajn fortojn, en Gran Canaria estis eble elekti unu regionistan deputiton, kaj en Andaluzio eĉ 5 seĝoj rekte transiris de PSOE al PSA de Rojas-Marcos (2 en Sevilla, 2 en Cádiz kaj 1 en Málaga). Evidente, la PSOE-homoj ne povis ne suspekti tiujn de Rojas-Marcos pri subaĉeto fare de UCD, ĉar ... kiel oni povus imagi ke la tradiciplena PSOE farus erarojn?! Nur strangas ke tute same PSOE perdis 4 parlamentajn seĝojn en Eŭskadio: Ĉu eventuale la 4 de Herri Batasuna same estas subaĉetitaj de UCD?



Dekstre: Fernando SAGASETA, deputito de "Unión del Pueblo Canario"

# ‹ASTURIES – UN PAIS COLONIZAU›




Eventuale kontraŭvole, Inés Gastón, Saragoso, faris seriozan atakon kontraŭ la unueco de Hispanio skribante, en nefermita letero de 14. o5. 1971, ke "en Hispanujo ekzistas almenaŭ dek etnaj minoritatoj, se ne kalkuli la ciganojn, kiuj same havas propran lingvon: la 'caló' ". (La letero estis publicita en "Germana Esperanto-Revuo", n-ro 5/1971, p. 6o/61, kaj represita en "Problemoj de etnaj minoritatoj en Hispanio", Nurenbergo, 1971, p. 18 - 23.) Ĉu Inés Gastón per tiu aserto celis helpi la disfalon de la nacia unueco, kiun nuntempe tiom timegas la ekstrema dekstro de Blas Piñar, la estro de "Fuerza Nueva" kaj sola deputito de la balotkoalicio "Unión Nacional"? Apenaŭ imageble.

Nu, ni reprenu nian vojon de seriozeco: Estante dum marto 1979 profesie en Oviedo, la ĉefurbo de la unu-provinca regiono Asturio, mi havis perfektan okazon rigardi, pli proksime ol antaŭ kelkaj jaroj, la situacion de tiu hispania komunumo. Jen aro da informoj, ne nur etnismaj, pri Asturio:

La ĉi-paĝa mapo-skizo de la regiono kaŭzas - intence - malĝustan impreson: O f i c i a l e ne ekzistas tiuj nomoj skribitaj en la astura lingvo, kiu kutime nomatas "bable". (Ĉu tiu ĉi termino, unuafoje dokumentita en letero de la fama asturia politikisto kaj verkisto Gaspar Melchor Jovellanos, 1744 - 1811, signifas "babilaĵo"-n?) Kaj tamen, funde, tiu ĉi nomenklaturo ŝajnas trafa: Aperas loknomaj tabuloj "korektitaj" de "GIJON" al "XIXON" kaj de "OVIEDO" al "UVIEU" ktp., kaj troveblas, de tempo al tempo, asturlingvaj Leteroj de Legantoj en la ĵurnalo ASTURIAS, kaj aperas libr(et)oj uzantaj tiujn nomojn, kaj - pli grave ol ĉio alia - <u>vastega parto de la enloĝantaro efektive parolas la asturan lingvon</u>.

Sed jen jam komenciĝas la disputoj! Forta grupo de establituloj ĉirkaŭ la profesoro pri dialektologio de la universitato de Oviedo, Jesús Neira, kiuj insistas pri la NE-ekzisto de LA astura kaj kiuj parolas aplombe pri la diverseco de la <u>asturiaj dialektoj</u> de la <u>kastilia lingvo</u>. Laŭ tiuj homoj, la

diferencoj inter la tri ĉefdialektoj - la okcidenta, la centra kaj la orienta - estas tiel grandaj ke maleblas paroli pri u n u lingva sistemo. - La alia tendenco, kiu fokusiĝas plej klare en CONCEYU BABLE ("Bable"-Konsilantaro), defendas la lingvecon de la astura demonstrante ke la komunaj trajtoj de la divers-lokaj parol- kaj skribformoj estas esencaj kaj pli altgradaj ol la variaĵoj, kiujn la homoj de CONCEYU BABLE neniel neas. Ili insistas pri du punktoj: (1) La astura estas, apud la kastilia, kataluna, portugala(-galega) kaj aragona, unu el la latinidaj lingvoj de la ibera duoninsulo; (2) por certigi la pluekzistadon de kiu ajn "bable"-formo necesas eviti la plifortiĝon de la kastilia lingva superregado kaj, konsekvence, evoluigi literaturan asturan lingvaĵon surbaze de tiu dialekto kiu jam ĝuas la plej grandan prestiĝon: la centra. (Diable - pardonu la vulgarismon - ĉu ne jen denova paralelo kun la strebado de la internacilingvanoj?!)

Tiu disputo, cetere mondvasta, pri "lingvo aŭ dialekto" postulas konsekvencojn (aŭ premisas aksiomojn kaj/aŭ celojn), ĉar nur pro si mem la konstato ke la lingvaĵo de Asturio estas "lingvo" aŭ "dialekto" estus sen intereso por la popolo. La homoj ĉirkaŭ Neira akceptas flegi la "bable"-formojn kiel vivan folkloraĵon (simile kiel la platdiĉoj kaj la Rubak-kroatoj) kaj konsideras la kastilian "la sola reala kaj efektiva lingvo de Asturio" (Neira, "El bable - estructura e historia", Ayalga Ediciones, Salinas, 1976, p. 32). Konsekvence, la adeptoj de tiu tendenco favoras jen kaj jen poemeton kaj kanton en iu "bable"-aĵo kaj samlingvaĵan leĝeran babiladon, sed nepre kontraŭstaras sciencan literaturon en tiuj dialektoj. Supozeble tiuj homoj ja komprenas ke nefikcia verkado postulas aktualigon de la esprimilo kaj, do, certagradan artefaritecon, kiun ili vole-nevole akceptas en la kastilia kaj en la angla kaj franca, sed abomenas - eĉ en plej malalta amplekso - en sia propra lingvo, la astura. - La aktivuloj de CONCEYU BABLE, nature, male, intencas unuecigi sian dialekto-faskon por ke ĝi havu ankaŭ evidentan formon de lingvo. Ili vaste publicas poemojn rezultantajn el specialaj konkursoj, sed, por doni la bezonatan merkaton kaj kompreneblon al tiuj verkoj, ili pledas favore al la elstarigo de la centra dialekto kiu partoprenas en la plej multaj lingvaj fenomenoj de la du aliaj dialektoj kaj samtempe partoprenigas la plej grandan nombron da asturoj (80 % de la tutprovinca enloĝantaro). Por adapti la asturan koineon, la komunan superdialektan lingvon, oni sugestas elimini arkaismojn kiel, ekzemple, la centradialektan vokaladaptiĝon (singulare "pirru", plurale "perros" /hundo-j/ fariĝas "perru" - "perros").

ETNISMO intervjuis la prezidanton de CONCEYU BABLE, Xose Lluis García Arias, la 19-an de marto en Oviedo, kaj jen resumo de liaj informoj ne jam plektitaj en la ĉi-antaŭan tekston:




HISTORIA FONO

Asturio estis la unua reĝlando de rezistado kristana kontraŭ la maŭroj. La visigota reĝo Pelajo, en 722, apud Covadonga, venkis la maŭran armeon kaj tiel haltigis dekjaran konkeron de la duoninsulo, samtempe komencante la 770-jaran rekonkeradon fare de la kristanaj princoj, kies originaj teritorioj kaj postaj (mal-)sukcesoj en la suden-irado antaŭformis la hodiaŭan lingvo-mapon de Hispanio-Portugalio. La asturia korto baldaŭ translokiĝis de Cangas de Onís al Oviedo kaj, en la 10-a jarcento, al León. Dum multaj jarcentoj ekzistadis sufiĉe demokrataj municipaj konsilantaroj kiuj delegis siajn reprezentantojn en la "Ĝeneralan Asembleon de la Princlando".

Tiu ĉi asembleo deklaris sin suverena dum la napoleona okupado kaj sendis eĉ ambasadorojn al Grandbritio kaj al aliaj ŝtatoj. Ĝi estis forigita fare de Ferdinando VII en la 3o-aj jaroj de la pasinta jarcento.

Ŝajnas ke la astura lingvo estis oficiale malmulte uzata, escepte de la fama "Privilegio de Avilés" el la jaro 1155. Dum la 17-a jc. aperas asturlingvaj poetoj, kaj la supre menciita Jovellanos planas starigon de lingvo-akedemio kaj verkadon de vortaro de la astura lingvo, sed ambaŭ projektoj ne efektiviĝas. En la jaro 1839 estis eldonita la unua astura antologio.

NUNTEMPE

CONCEYU BABLE luktas kontraŭ la dekstro kaj samtempe kontraŭ la maldekstro kiu ja estas ofte eĉ pli danĝera ol la dekstro, el nacia vidpunkto. La parlamentajn balotojn de junio 1977 partoprenis kandidataro de "Unión Regionalista", kiun formis precipe grupoj de la ekstrema maldekstro ne jam laŭleĝaj kaj kiu ricevis tiam 11.ooo voĉojn, do sufiĉe pli ol ĉi-jare CNA. Sed, diras García Arias, la nunaj 3.ooo respektive 8.ooo voĉoj estas "puraj", t.e. ili estas vere aŭtonomiistaj, ne unuavice aŭ ekskluzive maldekstrismaj. Ĉu CNA povos estiĝi LA regionisma partio? Jes ja, se ĝi sukcesos allogi aron da homoj de socia kaj profesia prestiĝo altgrada. Laŭ madrida enketo, la regionisma sinidentigo de la asturianoj estas pli alta ol tiu de la katalunoj kaj vaskoj, sed ... mankas la politika kanalizo! La nunaj "grandaj" partioj, PSOE, UCD, PCE/PCA? Ili interesiĝas pri la regiona problemaro nur negative, alivorte: nur tiom kiom la popola regionismo minacas

## EL C.N.A. SOFITA LA LLUCHA DE LOS ALUNOS DE C.O.U.




LA ASTURA NACIISTA KONSILANTARO APOGAS LA LUKTADON DE LA LERNANTOJ DE LA KURSO DE UNIVERSITATA ORIENTADO.

Tiun ĉi titol-linion portis flugfolieto - komplete en la astura lingvo - distribuita dum la plurhora manifestacio de pli ol 1.5oo tutregionaj gelernantoj tra la centro de Oviedo, mardon, la 13-an de marto 1979. Tamen, en la multaj - ĉefe ruĝaj - portataj sloganrubandoj ne videblis asturlingva surskribo. Kiam la manifestaciantoj forlasis la trotuaron por efike interrompi, parte sidante, la aŭto-veturadon, la "Nacia Polico", t.e. la malamataj grizuloj, proksimume 4o-ope, kasko-vestitaj, armitaj jen per gumkuglaj pafiloj, jen per la "normalaj" gumbastonoj, intervenis repuŝante, batante, persekutante, ĉasante la gejunulojn aŭtomobile tra centra parko. La manifestaciantoj, kiuj protestis kontraŭ la enir-ekzameno por la universitato kaj postulis demokratian partoprenon en la gvidado de la lernejoj, skande kriadis: "Pli da kulturo, malpli da polico!" Oni provizore arestis tri gejunulojn.

Evidente la lingva konscio plifortiĝas, ankaŭ inter instruistoj: La alvoko de "Amigos del Bable" cele de fondo de asturlingva akademio estis spontanee subskribita de 6 instruistoj (el 8o) en unu sola gimnazio!

forkonduki la tradiciajn voĉnombrojn al kandidatoj de regionisma partio! Kaj, plorige, tiuj "grandaj" partioj, dum la balotkampanjo de 1977, kalumniadis, eĉ per fendita lango, la "Unión Regionalista" nomante ĝin, antaŭ unu publiko, rasisma kaj antaŭ alia, ekstrem-maldekstra por malebligi sambate laboristajn, eksterregionul jn kaj burĝajn voĉojn por la regionismo! Tiutempe la ĉefa atakato fare de la maldekstro estis nek Manuel Fraga, de "Alianza Popular", nek Adolfo Suárez, de UCD, sed precize la heterogene maldekstra "Unión Regionalista". - Kion, konkrete, faras CONCEYU BABLE? Nu, ĝi eldonas librojn, aranĝas konkursojn de junaj - ofte lernejanaj - verkantoj, organizas lingvokursojn en la universitato de Oviedo, en centroj por estontaj kaj jamaj elementlernejaj instruistoj (ekzemple en Xixón), en gimnazio de Llangreu kaj aliloke. Krome, ĝi batalas favore al la asturia aŭtonomio kaj antaŭenpuŝadas la uzadon de certasence unuecigita astura lingvo. Multaj simildirektaj aktivecoj okazas sen intima ligiteco kun CONCEYU BABLE, kaj ĉio ĉi malgraŭ la klara kontraŭstarado praktikata de la tuta gazetaro --- vidu la represon el ASTURIAS kun komentoj!

Cetere, CONCEYU BABLE estas membro de la ASOCIO INTERNACIA POR LA DEFENDO DE LA MINACATAJ LINGVOJ KAJ KULTUROJ ( A.I.D.M.L.K. ).

## IOM DA STATISTIKO

**AREO:** 1o.565 km² **ENLOĜANTOJ:** 1.135.ooo **DENSECO:** 1o7,4 pers./km²
(5o4.75o " 37.55o.ooo 74,3 " " Hispanio)

REZULTOJ DE LA REFERENDUMO PRI LA KONSTITUCIO, o6. 12. 1978

| voĉdonrajtantoj | voĉdonintoj | % | JES % | NE % | NEVALIDAJ % | sindetenoj | % |
|---|---|---|---|---|---|---|---|
| 868.547 | 534.492 | 61,54 | 88,56 | 8,38 | 3,o2 | 334.o55 | 38,46 |
| (Kompare en tuta Hispanio: | | | | | | | |
| 26.566.419 | 17.977.112 | 67,67 | 87,79 | 7,91 | 4,28 | 8.589.3o7 | 32,33) |

REZULTOJ DE LA PARLAMENTAJ ELEKTOJ, o1. o3. 1979

voĉdonrajtantoj: 868.893 voĉdonintoj: 545.179 ( 62,74 % )
sindetenintoj: 323.714 ( 37,26 % )

| partio | Deputitoj | % | Senatanoj | % | |
|---|---|---|---|---|---|
| PSOE/socialistoj | 4 | 36,74 | 3 | 1o6,16 | Por elekti |
| UCD/centruloj | 4 | 32,55 | 1 | 89,7o | la 4 pro- |
| PCA/komunistoj | 1 | 13,52 | - | 4o,18 | vincajn |
| CD/"civilizita" dekstro | 1 | 8,5o | - | 22,81 | senatanojn |
| UN/Franko-faŝistoj | - | 2,o5 | - | 6,78 | oni dispo- |
| CNA/asturistoj | - | o,55 | - | 1,52 | nas pri 3 |
| maldekstraj grupetoj | - | 3,71 | - | 6,39 | voĉoj: Do, |
| dekstraj grupetoj | - | o,5o | - | 2,33 | povas re- |
| alia | - | o,14 | - | ---- | zulti 3oo |
| sumoj | 1o | 98,26 | 4 | 275,87 | procentoj! |

REZULTOJ DE LA MUNICIPAJ ELEKTOJ, o3. o4. 1979

| gravaj urboj | nombro de la municipaj parlamentanoj UCD | PSOE | PCA | CD | aliaj |
|---|---|---|---|---|---|
| Oviedo | 12 | 11 | 2 | 2 | --- |
| Avilés | 11 | 1o | 4 | - | --- |
| Gijón | 9 | 13 | 4 | 1 | --- |
| Mieres | 4 | 1o | 9 | 1 | 1 |

ASTURIAS
Diario Regional

o6. o3. 1979

# PA DESPUES DE LES ELECIONES

XOSE LLUIS GARCIA ARIAS
LLUIS XABEL ALVAREZ FERNANDEZ
PILAR FIDALGO PRAVIA

**(Conceyu Bable)**

Les eleciones xenerales del 1 marzu déxen-mos abondo pa meditar. Son un bon puntu referencia p'agüeyar la nuestra situacion política y sacar les conclusiones que mos pruyan.

Políticamente, diríamos, Asturies tópa-se sátamente como la dexamos en 1977 cuando se fexeron les primeres eleciones xenerales. Los memos partíos y con xente na mesma proporción tarán presentes (otra cosa ye que mos *representen)* nes Cortes Españoles. Y ello, al tar nel mesmu llugar qu'hai dos años escasos, ye grave si faemos comparanza con otres fasteres del Estau onde l'asitiamientu de posiciones rexonalistes o nacionalistes (llamai-les como vos pruya) quedaron afitaes.

N'Asturies non sólo non hubo ociones d'esti sen (el CNA yera sobre too un grupu testimonial) sinon que les ociones votaes definen-se fondamente por ser centraliegues dafechu. Y más grave: partíos como la UCD (y tamién el PSOE) tienen tan ruína opinión del pueblu asturianu que nun se miren por pone-mos en llugares cimeros a xente que nin ye asturiana, nin vive n'Asturies (¿El *castellán* Calvo Ortega y el *castellán* Gómez Llorente puxarán xunto col *andaluz* León Herrero pa faer más xirigoncia de l'Autonomía asturiana y del País Asturianu?).

El que xente asturiana votare a estos partíos non asturianos ye niciu claru de l'alienación política y cultural qu'enarta al nuestru pueblu.

Veremos agora si esi partíu mayoritariu dientro'l *Conseyu Rexonal,* el PSOE, que glayó na campaña que naguaba per una autonomía de *primera* (¿empicipia a da-se cuenta agora y non cuando tenía que lo defender nes Cortes y dientro'l mesmu Conseyu y delantre'l ministru pa les rexones, y faciendo una movilización dafechu...?), a ver, dicimos, si por xugar a oposición estatal entama n'Asturies con seriedá una política «coherente» y autonomista.

De toes maneres una cosa ye tamién clara. El pueblo asturianu nun 37 por ciento nun quixo votar. L'astención agora ye un 11 por ciento más que'n 1976.

Ello pue ser un niciu de qu'un bon númberu de paisanos nuestros nun tan por sofitar col votu eses posiciones centraliegues, en dellos casos antiasturianes y en otros sociolóxicamente confuses, de los partíos que llamen mayoritarios. L'astención, como aconseyaba la nota de C. B., nun va escontra la democracia sinon escontra les postures d'esos partíos que pratiquen un centralismu antidemocráticu.

Otru bon niciu de que daqué cambia ya n'Asturies son los votos llograos pela única posición autonomista asturiana y claramente nacionaliega. El CNA (que nun yera la oción política de C.B.) ensin faer campaña, ensin posibilidaes económiques, ensin sofitu dengún, ensin conoce-lu naide llogró 3.000 votos nacionalistes pal Congresu y más de 8.000 pal Senau. El datu tamién ta hí y nun taría mal allampiar per entende-lu.

Agüeyando que dientro otres fasteres les postures autonomistes ganaron ya bones posiciones y q'una posición testimonial como la del CNA llogró la simpatía de muchos asturianos nun taría mal que seriamente se vaya pensando en dir faciéndo-ios dar marcha atrás a esa riestra posiciones non asturianes, y en dellos casos antiasturianes, que nos arrodien.

Ja estis aŭtentika surprizo por mi trovi en la ĵurnalo ASTURIAS tutan paĝon pri la regiona lingvo-problemo! Dum du trionojn de la paĝo okupis polemikaĵo sub la titolo "El bable y la filosofía del lenguaje", de Avelino Jesús González, en la malsupra trioneto aperis la ĉi tie represita kontribuaĵo ... en la astura lingvo. Iom brutale koncizigante la unuan artikolon, ni resume konkludas ke: (1) ĉiu lingva sistemo (ankaŭ dialekto) esence formas la mondpercepton de la homo; (2) ĉar ekzistas pluraj "bable"-variaĵoj, la alpreno de unu el ili signifus <u>kulturan koloniigon</u>, same kiel oni konsideras la sintrudon de la kastilia tia koloniigo; (3) la reiro al "bable"-aĵoj de antaŭe /ETNISMO **demandas** ĉu iu sugestis tian anakronismon./ malebligus la progreson vidalvide de novaj internaciaj horizontoj. - En la asturlingva artikolo oni konstatas unue ke post la elektoj de o1. o3. 1979 Asturio estas precize en la sama situacio kiel post 15. o6. 1977 kaj, kontraŭe al aliaj hispanaj regionoj, nenio evoluis direkte al firmigo de aŭtonomiistaj pozicioj. La aŭtoroj riproĉas al la partioj UCD kaj PSOE kandidatiginti eksterprovincajn personojn, pro kio CONCEYU BABLE estis konsilinta sindetenon. Oni demandas ĉu PSOE, kiel opozicio en la centra parlamento, en Asturio efektivigos vere aŭtonomiistan politikon promesitan antaŭe.

La artikolistoj konstatas ke la procentaĵo de sindetenoj altiĝis ĝis 37, t.e. 11 % pli ol en 1977 (erare oni presis "1976"), kion oni komprenu kiel signon de ekkonsciado pri la nekonveneco de la grandpartiaj centrismaj, do kontraŭasturiaj pozicioj. La homoj de CONCEYU BABLE aplaŭdas la fakton ke la sola aŭtonomiista kandidataro, CONCEYU NACIONALISTA ASTUR, akiris 3.ooo voĉojn por la "Kongreso de Deputitoj" kaj pli ol 8.ooo por la Senato sen fari veran balotkampanjon, sen ekonomiaj rimedoj, sen kiu ajn apogo, sen esti konata en la publiko. Samspire la aŭtoroj substrekas ke la CNA-kandidatoj NE estis la politika reprezentantaro de CONCEYU BABLE.Memorigante pri la gajnoj de la aŭtonomiistoj en aliaj regionoj de Hispanio, la triopo alvokas la legantojn por ke oni invitu la ne- respektive kontraŭasturianojn retiriĝi.

- - - - - - - - - - -

Jam du tagojn poste la redakcio de ASTURIAS publicis kvazaŭ-respondon dirante ke inter la malmultaj temoj kiuj nuntempe provokas pasian diskuton estas la "bable"-afero, kiu, krome, politikiĝas /feliĉe!7. La redakcio verdiktas ke la lingvaĵo de la asturianoj ĉiukaze NE estas LA ASTURA LINGVO, kvankam same ne la plej pura kastilia de la altebenaĵo ... Surprize, la aŭtoro(j) poste pledas por konservado de ĉio heredita el la pasinto, sed, ĉar la antaŭuloj de la nunaj asturianoj nek skribis asture, nek asture (?) adaptis siajn labormanierojn al la moderno, nek pensis asture en religio, filozofio kaj natursciencoj /Kiajn imagojn (i)li havas pri la aktivecoj de siaj antaŭuloj?!7, ne eblas nun alpreni la asturan. La supozeble ankoraŭ ĉi-jare kreota Akademio de la Astura Lingvo esploru kaj publikigu ĉiuj verkojn skribitajn en tiu lingvo, kaj la sektistoj ne ĝenu en tiuj strebadoj, por kiuj oni bezonos larĝaniman subtenon flanke de la regionaj aŭtoritatoj. - Ĉu ne strangas ke subite la redaktoro(j) akceptas la terminon "lingvo", eĉ "astura lingvo", kiun momentojn antaŭe oni rifuzegis?

* * * * * * * * * * * * *

# ASTURIES - AYERI Y GÜEI

La triopo Nuberu/Camaretá publicis granddiametran diskon sub la ĉi-supra nomo kiu signifas "Asturio - hieraŭ kaj hodiaŭ" (firmao: Discos Movieplay, Polígono Industrial de Coslada, Madrido, produktonumero: 17.1345/4). La 1o kanzonoj akuze prikantas la suferadon de la homoj en minejoj, antaŭ juĝisto, dum la maldekstrisma ribelo de Asturio en 1934, prikantas la heroaĵojn de la montara rezistado dum la 4o-aj jaroj, prikantas la liberiĝon de la amo kaj la refortiĝon de Asturio, salutas la andaluzan poeton Rafael Alberti.

Ĉiuj kanzonoj estas kantataj en la astura lingvo; la diskosaketo portas la originalajn tekstojn kaj ties tradukon en la kastilia.

Akompanas, enkondukas la tekstojn "prologo", presita en ambaŭ lingvoj, de Xose Lluis García Arias, kiu avertas pri la konsisto de la produktoj ĝisnunaj de la "asturia kulturo", kiuj tute ne meritas tiun epiteton, ĉar ili povintus aperi tute same en kiu ajn hispana urbo: ili estis sen rilato al la aŭtentika Asturio. La prologanto juĝas ke la asturia arto estis malaltnivela. Li atentigas pri la vekiĝo de la asturia konscio, kiun provokis ... la l i n g v o mem malgraŭ sia ĉifiteco, kaj la h i s t o r i o malgraŭ sia torditeco, kaj la regionaj apartaĵoj kvankam ilin misis maldekstraj kaj dekstraj interpretoj.

García Arias sugestas kompreni la klopodojn de la menciitaj kantistoj kiel instigon donitan al la popolo por ke tiu ĉi retrovu sian propran identecon.

* * * * * * * * * * * * *

# INDUSTRIAJ PROBLEMOJ EN ASTURIO

Asturio okupas gvidan pozicion inter la hispanaj regionoj en la produktolistoj de karbo, ŝtalo, aluminio, zinko, elektra energio, maizo kaj terpomoj. Asturio rajtas fieri pri sia luktado kontraŭ la frankismo kaj ties forta pilastro, la kapitalismo. Asturio povas esti nun eĉ relative kontenta pro la - kompare - altaj salajroj kaj esence sekuraj laborlokoj (en la ŝtataj entreprenoj).
Tamen, la asturia industrio baraktas kontraŭ seriozaj problemoj: La du plej grandaj ŝtataj entreprenoj, HUNOSA (karbominejoj) kaj ENSIDESA (ŝtalfabrikoj), suferadas gigantajn deficitojn kaj ... la riproĉojn el aliaj regionoj pro maltrafaj investoj!




Ĉu la estonta aŭtonoma Asturio povos certigi al tiuj ĉi laboristoj postenojn?

En 1951 la hispana ŝtato ekpaŝis en la asturian industrion per la fondo de ENSIDESA en situacio kiam la ekzistantaj fabrikoj ne kapablis produkti sufiĉe da ŝtalo. En 197o oni integrigis en la ENSIDESA-n de Avilês ankaŭ la ŝtalfabrikon UNINSA de Gijôn. Jam en 1967 la ŝtata Instituto Nacia pri Industrio (INI) transprenintis la minejojn de Asturio por eviti ilian kompletan kolapson vidalvide de la "modernaj" energifontoj petrolo kaj tergaso.

Kiu gajnis per la novaj entreprenoj? Evidente, la entreprenisto "ŝtato", sed profitegis ankaŭ la privata grandkapitalo kvazaŭ monopole aĉetante la relative malmultekostajn produktojn de la asturiaj HUNOSA kaj ENSIDESA por plulabori kaj altapreze vendi ilin. Unu el la ĉefaj profitantoj estis la "Altfornoj" de Biskajo. Privata finpretiganta industrio en Asturio ne estis, grandskale, instalebla, ĉar ... la plej bonaj specialistoj forkuris por gajni pli da mono kiel helplaboristoj en HUNOSA kaj ENSIDESA.

Certe perdegis la municipoj, kiuj absolute ne adekvate partoprenas la ekspluatadon de la minoj de karbo, sed devas prizorgi siajn malpuriĝantajn stratojn kaj detruiĝantajn domojn. Ne plu ekzistas mono por humanigaj iniciatoj, kaj la buĝeto apenaŭ sufiĉas por pagi la nudan funkciadon de la administracio, kiucelan? Aliaflanke la granda havenurbo Gijôn kreskas senĉese kaj senplane. Kaj ekster la triangulo industria de Avilês-Mieres-Gijôn? Malgrandaj urboj kaj ne elstare moderne kultivataj agroj!

José Manuel Vaquero, kies ideojn publicitajn en EL PAIS (14.o3.1979, p. 19) ni ĉi-supre resumis, opinias ke la kreota regiona organismo de Asturio ne devos transpreni la deficitojn, sed ja rajtos kundecidi en tiu ĉi industrio.

* * * * * * * * * * *

# LA KURDOJ PLULUKTAS



La peŝmergoj devas militi plurfronte.

La eventoj en Irano logis la okulojn de vasta publiko en tiun mondoparton, kie la transformon de la ŝaha diktaturo en la nebulan "islaman respublikon" de Ĥomeni akompanas ribeloj de diversaj etnaj minoritatoj, interalie de turkmenoj (pli ol 300.000 enloĝantoj) kaj de kurdoj. Ĉi-lastaj ĝis antaŭ pluraj jaroj povis akcepti siajn fratojn fuĝintajn el Irako kaj Turkio, antaŭ ol la estroj de Irano kaj Irako interkonsentis pri haltigo de la persekutataj kurdoj ĉe la limo. Nun la iranaj kurdoj konstatas ke la "nova" reĝimo intencas trakti ilin same kiel faris la antaŭa.

Estas memorende ke, tamen, la plej rigoran kaj kruelan kampanjon por detrui la kurdan etnon jam de multaj jaroj efektivigas Irako kaj Turkio. Jen ni prezentas koncizigitan superrigardon preparitan de la "Asocio de Kurdaj Studentoj en Eŭropo":

Kurdio estas dividita inter 5 ŝtatoj:

| | | | | |
|---|---|---|---|---|
| Turkio ....... | 8.000.000 | kurdoj | sur | 220.000 km² |
| Irano ........ | 4.000.000 | " | " | 175.000 " |
| Irako ........ | 3.000.000 | " | " | 76.000 " |
| Sirio ........ | 650.000 | " | " | 19.000 " |
| Sovetunio .... | 350.000 | " | " | 10.000 " |
| sume | 16.000.000 | " | " | 500.000 " |

Malgraŭ tiu ĉi divido, la nacia sento inter la kurdoj estas forta kaj viva, kaj ĝi evidentiĝas per la armila lukto pri sendependeco.

La plej elstara branĉo de la kurdia ekonomio estas la p e t r o l o, kiu ampleksas 74 % de la "nigra oro" de Irako, 50 % de tiu de Irano kaj 100 % de tiu de Sirio kaj Turkio. Sed, en la ĉirkaŭo de la petrolaj kampoj, la kamparanaj domoj estas sen elektro, sen fluanta akvo, mankas vojoj kaj lernejoj, kaj tie ekzistas provincoj kiuj havas eĉ ne unu hospitalon. Do, Kurdio estas unu el la plej ne evoluintaj landoj de tiu regiono, kaj ĝiajn naturajn riĉaĵojn forprenadas la okupaciaj ŝtatoj.

Kurda poeto komparas la situacion de sia lando kun la vivteritorio de la lupoj precizigante la komunajn punktojn: la malfacilaj kondiĉoj de vaganto-

vivo en la ĉiamaj neĝoj de la altaj montoj, la sangaj luktoj sur la neĝoj, la persekuto eterniĝanta .....

Ni esceptas la sovetunian Kurdion, kie la kurdoj estas en situacio de egaleco rilate al la aliaj nacioj kiuj konsistigas Sovetunion. La ceteraj partoj aneksitaj de la menciitaj ŝtatoj estas koloniigitaj teritorioj, kaj iliaj riĉaĵoj estas destinataj al la respektivaj metropoloj. La kurda popolo estas submetita al malriĉeco, malsano kaj analfabeteco. Krom tio, la kurda lingvo estas malpermesita en skribado, nek uzata en instruado, tiel ke la kurda kulturo ne estas atingebla.

Grandega parto el la irakaj petrolprofitoj estas "investata" en la koloniiga armeo por detrui la kurdan teritorion. Tie oni daŭre aplikas napalmon kaj aliajn internacie malpermesitajn armilojn bombadante kurdajn vilaĝojn. La kurdoj tutsimple ne disponas pri sufiĉaj materialoj por efike kontraŭstari la irakan armeon.

Unu el la plej gravaj aspektoj de la koloniigo estas la programo kreita de Irako por arabigi Kurdion. Ĝi celas detrui la kurdan popolon kiel nacion per grandnombraj deportoj al sudaj dezertoj, kaj aliaflanke ĝi devigas arabojn ekloĝi en la kurda teritorio. Alia procedo praktikata de la iraka registaro estas donaci 1.5oo,-- dolarojn al tiu arabo kiu pretas edziĝi al kurda virino.

Arestado de la edzinoj, gefiloj kaj fratinoj de la peŝmergoj (= kurdaj gerilanoj) celas forlogi tiujn ĉi el la luktado.

La situacio de la kurdoj troviĝantaj en koncentrejoj estas eksterordinare malhumana.

Tiuj ĉi rasismaj praktikoj forte indignigis aron da humanismaj internaciaj organizaĵoj. Tiel, la 19-an de aŭgusto 1976 oni faris energian denuncon subskribitan de Patrick Montgomery, la ĝenerala sekretario de la "Societo Kontraŭ Sklaveco", Londono, antaŭ la subkomitato pri la lukto kontraŭ diskriminaciado kaj por la protekto de minoritatoj.

Efektive, en la nuna epoko, kiam tiom oni parolas kaj skribas pri la homaj rajtoj kaj pri memregado, la angoriga situacio - koloniigo, subpremado, violenta asimilado, ekstermado de la kurda popolo - estas monstraĵo!

Dum oni ne modifas la internacian politikon, la perspektivo por la kurdoj - kiel por multaj similsituaciaj malplimultoj - estas nur unu: MILITO.

(Tradukis: Joan Ramoneda Canet;
prilaboris kaj koncizigis: ETNISMO)

<u>Redakciaj notoj:</u>

1) Krom en la menciitaj ŝtatoj vivas kurdoj en kelkaj aliaj, ekzemple 4o.ooo en Libano.
2) Estas demandinde kiusence Sovetunio NE aneksis kaj NE ekspluatas sian parton de Kurdio. Certa, konsiderinda kvanto da kultura aŭtonomio ne kaŝu la fakton: ke sovetia Kurdio neniel ĝuas la rajton de memdeterminado kaj ke ĝiaj riĉaĵoj iras same en la kasojn de Sovetunio kiel en la aliaj partoj de la koloniigita Kurdio.
3) En la socialdemokrata semajngazeto "Vorwärts" (n-ro 25 de 22.o6.1978, p. 12) Jürgen Roth, aŭtoro de libro kaj artikoloj pri Kurdio, avertas pri la malfacilo raporti fidinde pri Kurdio: La iraka registaro jen kaj jen invitas ĵurnalistojn por montri al ili kiel bone statas ĉio en Kurdio, sed ... la registaro dungas la tradukistojn kaj fiksas la vizitotajn lokojn. "Amnestio Internacia" ankoraŭ ne akiris irakan permeson eniri la landon kun propra tradukisto.
4) Komparu la artikolojn pri Kurdio en ETNISMO n-roj 6 (o1.o6.1974), p. 13/14, kaj 18 (22.o3.1978), p. 9 - 12.

# AĈEOJ

## MORTIGEJOJ EN PARAGVAJO

(Daŭrigo el n-ro 20)

Ne antaŭ ol ano de la Ministerio de Defendo telefonis al la "Colonia Nacional Guayaki" la 18-an de aŭgusto pri okazonta vizito oni fine permesis al mi iri al tiu loko la 2o-an de la sama monato. Tiu ĉi estas la ĉefa rezervejo por la aĉeoj, lokita en la orienta parto de Paragvajo kaj priskribita fare de Mark Münzel kaj aliaj kiel mortigejo. Daŭris ĉirkaŭ kvin horojn por atingi ĝin per ambasadeja aŭto, komence laŭ sufiĉe bone pavimitaj ŝoseoj kaj poste laŭ sablovojetoj kaj rokaj, neprizorgitaj montaj vojetoj.

La rezervejo situas en apartigita areo de la ĝangalo kaj estis evidentaj ruinigoj faritaj de blankhaŭtuloj. Ĉirkaŭ 3o mejloj antaŭ la rezervejo, la ĝangalo ŝanĝiĝis el abunda kaj arbaroplena tereno en lunecan pejzaĝon elstarantan pro fantoma nenieco krom groteske karbigitaj arbostumpoj, mutaj restaĵoj de la Paragvaja programo de senarbigado, per kiu oni senposedigis la aĉe-nacion en tiu ĉi areo. Bele konstruitaj domoj por oficialuloj de la Novaj-Triboj-Misiejo, kiu direktas la rezervejon, kontrastis akre kun ruiniĝintaj domaĉoj haveblaj por la aĉeoj ne tro malproksime de la misiistoj. La domaĉoj por la indianoj konsistis el iaspeca kunigo de ŝtipoj hazarde alligitaj al la tero kaj danĝere balanciĝis en la Paragvaja vintra vento. Breĉoj inter la ŝtipoj estis ofte sufiĉe larĝaj por enlasi infanon aŭ eĉ plenkreskulon por ne paroli pri la elementoj. Kanvaso kaj papero kaj disaj pecoj de aluminio okaze ŝtopis tiajn breĉojn. Ŝtipoj samkvalitaj formis tegmenton. Ĉi-kaze ankaŭ la ŝtipoj tute ne taŭgis por protekti kontraŭ la elementoj, kvankam ili estis jen kaj jen refortigitaj per kanvaso, kartono aŭ aluminiaj tavolaĵoj. Interne de la domoj estis neniaj litoj, krom okaza peco de lignaĵo; en unu loko estis la ligna plato levita de sur la planko. La domaĉoj enhavis rubon, okazan ŝtipon por bruligi, rustiĝintajn kuirpotojn kaj pecojn de ĵurnaloj kiujn la misiistoj donis al la indianoj por protekti sin kontraŭ la vintra malvarmo. Ne estis videblaj iaj necesejoj krom tiuj kromdometoj de la administracio. Estis flarebla nemiskomprenebla odoro de homaj ekskrementoj en la indiana parto de la rezervejo.

La indianoj kiujn ni vidis estis plej multe maljunulinoj kaj infanoj, mi vidis kelkajn maljunuñajn virojn. Estis elstara foresto de junuloj. Indianaj plenkreskuloj kaŭris en mizerega depremiteco. Neniu viro aŭ knabo portis la tradician lip-ornamaĵon konatan kiel "beta". La infanoj ne scipovis la aĉe-lingvon; indianinoj respondis, demandite pri siaj denaskaj kantoj, ke ili ne kantis ilin dum longa tempo. Kiam ni demandis pri la kialo, la virinoj diris ke ili estas malfortaj kaj sen energio. Indiano kiu konversaciis kun mi pere de interpretisto, devis sidiĝi aŭ kuŝiĝi surteren pro tuta apatio kaj laciĝo. Tamen la konversacio ne ĉesis.

La misiistoj fiere anoncis ke ĉiuj indianoj estas kristanoj. Mi petis la nomon de kvarjara indianeto, kaj unu el la misiistinoj rapidis respondi "Felipe - civilizita nomo". Kiam mi demandis la knabon, kiun nomon li preferas, li senhezite diris sian indianan nomon.

La aĉeoj ne komprenas la tempon kiel oni komprenas ĝin en la industriigita Okcidento, sed ili scias ke ili estas en tiu kolonio dum vivodaŭro. Kiam mi demandis kiu kondukis ilin tien,preskaŭ ĉiuj respondis "Pereira", t.e. Manuel Jesús de Pereira, la unua administranto de la rezervejo, kaj kun frenezo pro longe sufokita memoro ili montris la cikatrojn sur la korpoj de tiuj kiuj postvivis la hakilojn de tiu Pereira kaj liaj hom-

ĉasistoj. Tiuj ĉi aĉeoj memoris tiujn kiuj falis por neniam releviĝi. Sed la frenezo malaperis tiel subite kiel ĝi estis komenciĝinta, kaj la geviroj, antaŭtempe maljunaj, subiĝis al la tero, kvazaŭ atendante finan enterigon. Psika morto estis evidenta.

La aspekto de la infanoj, kiuj ŝajnis ludi spasme kvazaŭ mankis al ili energio por pli streĉaj ludoj, estis elstara ĉe la unua ekvido pro troa dikeco. Pli atenta rigardo montris malbone distribuitan grason, malsanan dikecon, fakte aperon de ŝoke ŝvelintaj ventroj. Krome, ne estis eĉ unu infano kiu ne suferis pro ulceretoj, vundoj kaj pustuloj sur la brakoj, kruroj kaj ofte senhara kapo. Ĉiuj infanoj tusadis kaj havis nazkataron. La ĉefa manĝaĵo - ignamo - kaj la fizika aspekto de la indianoj, precipe de la infanoj, atestas la malsanon pro proteinmanko, konatan kiel "kvaŝiorkoron".

Ekster unu el la domaĉoj, apud la patrino, sidis indiana junulo proksimume 18-jara. Kvankam nenia sono aŭdiĝis el liaj lipoj, larmoj fluis sur liajn vangojn dum li rigardis en la spacon, klare evitante okulan kontakton kun iu. La patrino iris al la interpretisto de la API kaj klarigis ke li tielas dum almenaŭ ses semajnoj. Ŝi montris al ni duonplenan boteleton de aspirino, kiun la misiistoj estis donintaj al ŝi por lia uzo. Kiam mi petis klarigon de la misiistoj, ili diris al mi ke la knabo simple provas altiri mian atenton. Dum tiu ĉi klarigado la knabo konvulsiis surtere, kaj unu el la misiistoj diris: "Ho, rigardu lin. Ĉu li ne estas admirinda aktoro?" Mi respondis ke laŭ mia opinio tio ĉi ne estas aktoraĵo kaj ke, kvankam mi ne povas paroli nome de la ambasado, mi certigos al la rezervejo-aŭtoritatulo ke la sorton de tiu ĉi knabo kontrolos homrajtaj organizaĵoj kiel "Postvivo Internacia" kaj la "Internacia Ligo por la Homaj Rajtoj". La tuja respondo estis malafabla, sed la averto almenaŭ kaŭzis ian agadon. Oni permesis al ni konduki la knabon per la ambasada aŭto al kuracisto proksimume 50 mejlojn for, tamen ne al malsanulejo, ĉar tio kostus monon. Oni diris al ni, tamen, ke se la kuracisto rekomendus, oni konsiderus malsanulejon. Alveninte ĉe la kuracisto post frapoplena veturado trihora, la indiana knabo, Santiago Duarte, estis ege malsana kaj bezonis tujan atenton en malsanulejo. Post alia trihora veturado aŭta, la junulon akceptis malsanulejo en Asunciono: Li estis duonkonscia. Kelkajn tagojn poste la biopsio montris vaste metastazitan kanceron. Kuracistoj kiuj scias pri la knabo diris ke lia kondiĉo estis ignorata de la rezervejaj oficialuloj dum almenaŭ 18 monatoj kaj ke la prognozo estas "serioza". Kelkajn tagojn poste reprezentantoj de la Novaj-Triboj-Misiejo deprenis la knabon el la malsanulejo, pretendante ke la knabo estis malfeliĉa tie kaj ke la kosto de la restado estas tro alta. Ilia pretendo estis senbaza, ĉar ili ne kapablis konversacii kun Santiago en lia aĉea lingvo kaj ĉar mi promesis persone transpreni la koston de la unuaj tagoj en la hospitalo. Mi tuj informis kolonelon Samaniego pri la elpreno de la knabo kaj instigis lin klopodi por certigi ke lia kuracado estu farebla. Samaniego ordonis konduki la knabon al armea malsanulejo, el kiu la misiistoj ne povus forkonduki lin. Kelkajn tagojn poste la misiistoj sendis plendan leteron kontraŭ mi al la usona ambasado.

Mi vizitis la Pastro-Livio-Farino-Misiejon de Puerto Casado la 22-an de aŭgusto 1977. La misiejo troviĝas proksime de tanino-fabriko, kiu estas la ĉefa industrio de tiu ĉi parto de la Ĉako. Ĝi enhavas proksimume 700 indianojn kiuj faras simplajn laborojn por la fabriko. Ĉirkaŭ 800 pliaj indianoj, kelkafoje bezonataj en la fabriko, bivakas en la ĉirkaŭo de 30-mejla radiuso. Inter ili estas anoj de la triboj Angartoj, Sanpanoj, Gŭanoj, Lengŭoj, Toboj kaj Gŭarajoj.

<u>El:</u> AKWESASNE NOTES, printempo 1978 (Tradukis: Roan U. Orloff-Stone)

(Daŭrigota en ETNISMO 22)




- ĉefaj loĝregionoj de la italiaj albanoj

DEMETRIO PATITUCCI
GIUSEPPE GRILLO:

# ARBREŜOJ: ALBANOJ EN ITALUJO

## HISTORIO KAJ KULTURO DE ETNA MALPLIMULTO

La ĉeeston de relative multnombra albana etna-lingva malplimulto en Italujo ignoras tre multaj italoj, ankaŭ ĉar amaskomunikiloj malofte interesiĝas pri ĝi, kaj eĉ kiam ili okupiĝas pri ĝi, ili zorgas nur por montri kaj reliefigi ties folkloran aspekton. Tiel agis ekzemple du italaj gravaj ĵurnaloj ("Il Mattino" kaj "Radiocorriere"), kiuj aperigis longajn artikolojn ilustritajn per koloraj fotoj kaj kiuj endetaliĝis en priskribon de folkloraj kutimoj kaj de ceteraj vivmanieroj de arbreŝoj. Male agis la jugoslavia alban-lingva gazeto "Rilindja", kiu ne nur per unu sed per serio de artikoloj klopodis alproksimiĝi al kulturo, pensmaniero, sentoj kaj ankaŭ problemoj de la arbreŝoj. Ankaŭ ni klopodos fari tion per tiu-ĉi artikolo.

Jam pasis pli ol 500 jaroj post kiam kelkaj albanaj grupoj forlasis Albanujon por fondi loĝkoloniojn en Italujo. La plejmulto el tiuj-ĉi elmigris pro la turka invado kaj pro la okupo fare de la osmana imperio de iliaj bienoj. Alia malgranda parto venis al Italujo sekvante la faman armeestron Skenderbeŭ (1405 - 1468), kiu estis dungito de la papo kaj organizis longdaŭran kaj bravan defendon de Albanujo kontraŭ turkoj. Ankaŭ ĉi-lastaj albanoj fondis vilaĝojn. La plejmulto de tiuj-ĉi komunumoj loĝas en Kalabrio,

sed aliaj vivas en Bazilikato, Pulio, Sicilio kaj Molizo. Ni nomas nun la plej gravajn komunumojn per ilia arbreŝa nomo: Shën Mitri, Vakarici, Ungra, Maqi, Mbuzati, Strigari, Shën Sofia, Ferma, Frasnita, Hora e arbëreshvet, Ururi, Shën Pali, Barilli.

Por arbreŝoj tre malfacilis pluteni nekoruptita aŭ preskaŭ nekoruptita sian kulturon, ĉefe pro nesentemo de politikaj kaj ekleziaj instancoj, kiuj ĉiam sufokis la justajn postulojn de malplimultoj. Ekzemplocele ni ekzamenu la situacion de la lingvo:

Hodiaŭ malmultaj arbreŝoj kapablas skribi aŭ legi ĝin. La plejmulto scipovas nur paroli ĝin. Tia situacio fontas el la instruado de antikvaj lingvoj (latina kaj greka) en antaŭaj tempoj kaj el ties deviga uzado dum religiaj ritoj, kaj el instruado de la itala kaj angla lingvoj en pli proksimaj tempoj en la lernejoj de arbreŝaj komunumoj de Italujo. Al tio aldoniĝas elmigrado, kiu estas la plej grava socia problemo kiun tiuj-ĉi komunumoj devas kontraŭlukti. Fakte ĉiuj arbreŝaj komunumoj situas en suda Italujo, ĝuste tie kie la centra politika povo ne sukcesis efektivigi industrian evoluon. Do, ĝuste tie malfacilas akiri laborlokon. Maleblas por arbreŝoj almigrintaj grandajn norditalajn aŭ eĉ eksterlandajn urbojn pluteni sian lingvon kaj siajn tradiciajn kutimojn en tiel malsamaj medioj kie alrandigo kaj socia disiĝo estas tiel oftaj.

Legante la informojn aperigitajn en arbreŝa-itala revuo sub la titolo "Nombroj pri arbreŝoj", oni povas klare konstati la malpliiĝon de la loĝantaro de kelkaj arbreŝaj vilaĝoj dum la lastaj dudek jaroj pro elmigrado. En pluraj kazoj la loĝantaro duoniĝis. La vilaĝo Barilli havis 4.531 loĝantojn en 1951-a, 4.2oo en 1961-a kaj 3.696 en 1971-a; la vilaĝo Mashkiti de 3.8oo homoj en 1951-a pasis al 2.6oo en 1971-a; Portkanuni, de 2.8oo al 2.4oo; Amati, de 2.ooo al 1.ooo; Shën Koli, de 3.ooo al 2.ooo; Ururi, de 4.688 al 3.495; ktp.

Malfacilas doni precizan nombron pri ĉiuj arbreŝoj en Italujo, ĉar la italaj instancoj okaze de popolnombradoj neniam akceptis sugestojn enketi pri la parolataj lingvoj, kaj do ekzistas neniu firma informo pri la nuntempe vivantaj arbreŝ-parolantoj, kiuj cetere estas preskaŭ senescepte dulingvaj (arbreŝa/itala), ankaŭ se la rego pri la literatura itala estas plena nur inter studintoj. Sufiĉe zorgaj taksoj indikas ke ekzistas proksimume, en Italujo, 1oo.ooo arbreŝoj.

La albana lingvo havas hodiaŭ, por studantoj pri balkana lingviko kaj pli ĝenerale pri hind-eŭropaj lingvoj, grandan gravecon kaj sekve de tio oni interesiĝas ankaŭ pri albanaj lokaj lektoj (aŭ dialektoj), unu el kiuj estas ĝuste la arbreŝa ("arbërisht"). Ni donu nur unu ekzemplon pri tio, menciante la eseon de la fama profesoro Eric P. Hamp de la universitato de Ĉikago, kiu en 1954-a verkis pri "Fonologio de la arbreŝoj en Vakarici". Hamp, kiu estas katedrestro pri ĝenerala lingviko, deklaris interalie ke la albana lingvo estas en la kerno de ĉia studo pri balkana lingviko.

La akiro, fare de arbreŝoj, de komuna literatura lingvo ebligus al ili ĉiuj interkomunikadi. Tio, tamen, stariĝas problemojn por la arbreŝa lekto, kiu povus tiel esti anstataŭata per la norma literatura albana lingvo (kiu estas la oficiala lingvo de Albanujo, nomata "shqipe"). Kaj jam aŭdiĝas ankaŭ protestvoĉoj inter arbreŝoj, kiel tiu de verkisto kiu deklaris: " ... nun ne nur la itala lingvo subpremas la arbreŝan, sed ankaŭ la albana literatura lingvo: ni rajtas nur elekti nian mortmanieron." Inter la arbreŝoj troviĝas subtenantoj de du ĉi-rilataj teorioj:

La unua teorio kunligita kun la revuo "Vija-një gjak, një gjuhë" kaj subtenata de ties direktoro Duŝko Vetmo asertas ke se oni deziras efektivan kunligon kun la albanuja popolo kaj kulturo nur eblas alpreno de la albana literatura lingvo. Cetere, arbreŝoj parolas malsame ankaŭ de unu vilaĝo al alia, kaj la hodiaŭa skribolingvo estas preskaŭ nur la literatura albana.

Subtenantoj de la dua teorio preferus kreon de arbreŝa literatura lingvo, kiu baziĝus sur la fundamentaj ecoj de arbreŝaj lektoj.

Pretere ni rimarku ke la albanaj dialektoj estas ĉefe jenaj du: la gegera ("gegërisht") parolata en norda Albanujo kaj en Jugoslavio kaj la toskera ("toskërisht") parolata en suda Albanujo kaj de arbreŝoj en Italujo.

Do, oni dezirus utiligi en italujaj arbreŝaj lernejoj tiun-ĉi novan literaturan lingvon. La plejmulto de la konsciaj arbreŝoj, tamen, kontentus se oni efektive ekmarŝus al instigo de ĉiuj arbreŝoj rilate skribadon kaj legadon en unu el la albanaj lingvaj variaĵoj. Tre singardajn paŝojn tiu-rilate faris la regionaj instancoj en Kalabrio per alpreno de decidoj favoraj al libervola instruado de la albana en la lernejoj de arbreŝaj vilaĝoj. Tamen ... en preskaŭ neniu lernejo oni ankoraŭ faris ion konkretan. Instruado de la albana en Italujo restas ankoraŭ je universitata nivelo por lingvistoj aŭ je nivelo de vesperaj libervolaj kursoj por plenkreskuloj.

**Jeta Arbreshe**

PERIODICO DELLA COMUNITA' ITALO-ALBANESE DI SICILIA — PALERMO 20 LUGLIO 1975

ANNO I — N. 8 —

Jen la nom-kapo de arbreŝa gazeto el Sicilio: ARBREŜA VIVO, kies artikoloj estas plejparte ... i t a l - lingvaj.

(Tradukis: Renato Korseti)

Komparu, pri albanoj en Grekio la mencion en "Etnaj problemoj en sudorienta Eŭropo: Ekzemple turkoj, makedonoj, aromunoj, armenoj, albanoj, bulgaroj kaj sefardoj en Grekio ..."(de Rudolf Grulich, 1976) kaj pri albanoj en Jugoslavio la artikoleton "Ĉu Jugoslavio mistraktas speciale albanojn?" (ETNISMO 19, p. 13) kaj la mencion pri interveno de kosovanoj dum la kongreso de FUEEM en Luksemburgo (ETNISMO 2o, p. 8)

********************

## JEN DU NOVAJ LIBROJ:

Rudolf Grulich: KREUZ, HALBMOND UND ROTER STERN - ZUR SITUATION DER KATHOLISCHEN KIRCHE IN JUGOSLAWIEN; München, 1979, 115 p., 14,5 x 2o,5 cm, prezo indikota.

La aŭtoro, ofta kunlaboranto de ETNISMO kaj profesia observanto de la historio de religioj kaj eklezioj, surtabligas ĉi-volume amason da informoj pri la situacio de la diversaj religioj kaj konfesioj troviĝantaj en la mult-etna Jugoslavio. La striktasence dokumenta parto enhavas ekstraktajn tradukojn el la konstitucio, leĝoj, artikoloj kaj ekleziaj deklaroj; sekvas adresaro de diocezoj, listo de la ekleziaj provincoj kaj pluraj statistikoj pri kredantoj, preĝejoj, pastroj kaj monaĥaj ordenoj.

Theodor Veiter [kaj aliaj]: SYSTEM EINES INTERNATIONALEN VOLKSGRUPPENRECHTS - 3. TEIL: SONDERPRÖBLEME DES SCHUTZES VON VOLKSGRUPPEN UND SPRACHMINDERHEITEN; Braumüller, Wien, 1978, 374 p., 16,5 x 24,5 cm, 98,-- gm.

Tiu ĉi libro publikigas la rezultojn de ampleksaj studoj kaj diskutoj de specialistoj kiel Veiter, Kloss, Verdoodt k.a. pri temoj kiel minoritatoj kaj lernejo, oficialaj kaj tribunalaj lingvoj, la soveta nocio pri nacio, partopreno de minoritatoj en la leĝdonado kaj administracio de ŝtato, radio kaj televido en minoritataj regionoj, la etnaj grupoj en Belgio, Usono, Kanado kaj Aŭstrio. Ni espereble baldaŭ havos okazon reparoli, forme de vera recenzo, pri tiu ĉi volumo.

* * * * * * * * * * * *

# ATUROJ: KOMPLEKSA MALPLIMULTO(*)

0. Dum ĉi tiuj tagoj Iranujo travivas dramajn momentojn. Tie oni serĉas novajn sociajn rilatojn kaj politikan est-manieron, kiu justu por la popolo. La malfacilaĵoj por ŝanĝado de la landa instancaro al konkrete demokrataj aŭtoritatoj antaŭvidigas periodon de malstabileco, kiu eble daŭros longan tempon. Temas pri maldifiniteco ne nur de la politikaj kaj regaj manieroj, sed ankaŭ de la enlandaj rilatoj inter etnaj kaj religiaj komunumoj. Signoj pri religia kontraŭstaro estis jam rimarkeblaj je la komenco de la movado, kiu kondukis al la imperiestraj "ferioj". Nun ili reevidentiĝis malgraŭ asertoj pri egala digno de religioj kaj konfesioj solene esprimitaj dum la pasintjara decembro.

1.1. Ene de la irana fandujo estas konsiderinda parto de la monda atura komunumo, kiu estas dissemita tra kvar kontinentoj: Azio, Eŭropo, Ameriko kaj Oceanio. La origino de tiu ĉi popolo serĉeblas ene de la imaga triangulo, kiun formas la urboj Urfa (la antikva Edeso, nun distrikta ĉefurbo en suda Turkujo), Reza'iyeh (iam Urmio, situanta sur la bordoj de la samnoma granda sala lago en irana teritorio) kaj Bagdado (apud la sanktaj urboj Seleŭkio-Ktesifono, religiaj ĉefurboj de la nestoria eklezio, nun en Irakujo). La atura popolo, kvankam vivanta en ruiniga dissemiteco, kapablis konservi sian kolektivan dignon. Temas certe pri rimarkinda atingo ĉe popolo, kiu estis devigita elmigri antaŭ ne longa tempo kaj kiu sekve ne havis la eblecon firmigi siajn malproksimajn komunumojn en antaŭindustria epoko. Per serĉado de sia historia kaj lingva identeco aturoj klopodas nun firmigi kunest-emon, kiun igas malfirma la dissemiteco kaj la politikaj okazintaĵoj en la gastigantaj landoj, precipe rilate la komunumojn loĝantajn en maŝrekaj(**) landoj, la t.n. "landoj de la Proksima Oriento. Cetere, eĉ la nomo "aturoj", kunligita kun la nomo de la antikvaj "asiroj", estas rezulto de politika plu-vivo-volo pli ol de nerefuteblaj dokumentaj pruvoj.

1.2. Je la lingva nivelo ilia situacio estas simila al tiu de pluraj etnaj grupoj, kiuj nur antaŭ ne longa tempo ekhavis skriban tradicion. Tiu situacio estas malplibonigita pro tio ke antikve aturoj havis riĉan religian kaj literaturan kulturon, tiun de la Siria Eklezio. Sed la fendo inter la normale uzata lingvo kaj la literatura lingvo estas tia ke ĉia ajn teorie ebla uzo de la literatura lingvo estas malebla, kvankam tiusencaj klopodoj ne mankas. Ek de la plej granda disfloro de la siria literaturo (2-a ĝis 5-a jarcentoj pK) la malsameco inter la du lingvoj ade pliiĝis. Fiksado de skrib-maniero por la moderna lingvo komenciĝis en la mezo de la pasinta jarcento. Nun aturoj konsideras sin mem popolo kunligita per sama etna origino kaj per komuna lingvo, kiun oni ne kapablis unuecigi. Fakte, ne ekzistas atura (aŭ nov-aramea) akceptata koineo(***), ankaŭ se dum la lastaj jaroj la urmia koineo en la faktoj rolas plej grave.

1.3. Aturoj, laŭ la nacia ideologio nuntempe rimarkebla en ilia gazetaro en Iranujo kaj ekster Maŝreko, estas unu nacio preter la tradiciaj dividoj laŭ religiaj kristanaj konfesioj. Ili esperas atingi sian kompletan rekuniĝon ĝuste per preteriro de ĉi tiuj disdividoj. Cetere, la reiro al la antaŭ ne longa tempo establita ŝtato Israelujo de la enaj malplimultoj, hebreaj laŭ religio kaj nov-arameaj laŭ lingvo, evitis ke tiuj ĉi malplimultoj pluestos dorno en la karno de la naciismaj identec-formuladoj de la kristana plimulto. Tiu reiro okazis en la 50-aj jaroj kaj la hebreoj de Zakko, de Gzire kaj de Reza'iyeh nun ankaŭ lingve eliris el la granda areo de la nov-aramea lingvo, kaj ili spertas malrapidan asimiliĝon en la lando, kiu ilin gastigas.

(*) En ETNISMO 14, p. 7, Rudolf Grulich mencias tiun ĉi etnon, kies lingvon li nomas novaramea aŭ novsiria aŭ asiria.

(**) Maŝreko estas neologismo proponita de Korseti en ETNISMO 18, p. 12.

(***) Koineo estas ĝenerale uzata dialekto aŭ lingvo.

Serĉado de nacia identeco fare de aturoj trovas en religio katalizilon, kiu estas preterlasenda ĉe nereligia imago pri nacio; sed ĝi estas sendube pli grava ol la lingva aspekto de la afero. Ankaŭ lingvo, almenaŭ en Iranujo, estas markita per religiaj aspektoj. "Vi parolas kristane!" Jen mira aserto de atura kunparolanto, kiun mi renkontis la unuan fojon en legomĝardeneto en la ĉirkaŭaĵoj de Urmio. Tiu aserto certe ne estas omaĝo al miaj lingvaj konoj, sed atesto pri kerna aspekto de la atura vivo kaj kulturo. La kristana lingvo estas ĝuste ilia lingvo, tio estas la lingvo de kristanoj fronte al la lingvo de ŝijaistaj islamanoj. Sed, aliflanke, se oni diras ke aturoj estas tiuj kiuj parolas la kristanan lingvon, ankaŭ tiam oni diras nur proksimuman veron. Temas pri aserto kiu, eĉ se sinkretisme signifoplena, egaligas lingvon, etnon kaj religion.



ܐܒܘܢ ܕܒܫܡܝܐ
ܢܬܩܕܫ ܫܡܟ. ܬܐܬܐ ܡܠܟܘܬܟ.
ܢܗܘܐ ܨܒܝܢܟ. ܐܝܟܢܐ ܕܒܫܡܝܐ
ܐܦ ܒܐܪܥܐ. ܗܒ ܠܢ ܠܚܡܐ
ܕܣܘܢܩܢܢ ܝܘܡܢܐ. ܘܫܒܘܩ ܠܢ
ܚܘܒܝܢ ܘܚܛܗܝܢ. ܐܝܟܢܐ ܕܐܦ ܚܢܢ
ܫܒܩܢ ܠܚܝܒܝܢ. ܘܠܐ ܬܥܠܢ ܠ
ܢܣܝܘܢܐ. ܐܠܐ ܦܨܢ ܡܢ ܒܝܫܐ. ܡܛܠ
ܕܕܝܠܟ ܗܝ ܡܠܟܘܬܐ ܘܚܝܠܐ ܘܬܫܒܘܚܬܐ
ܠܥܠܡ ܥܠܡܝܢ ܐܡܝܢ.

Abun dbaschmayo nethkadasch schmoch tithe malkūthoch nehwe sebyonoch aykano dbaschmayo of bar'o hab lan lahmo dsunkonan yavmono waschbuk lan hawbayn wahtohayn aykano dof hnan schbakan lhayobayn lo ta'lan lnesyuno elo fason men bischo metul dilochi malkūtho uhaylo uteschbuhto l'olam 'olmin amin.

* * * * *

Jen la "Patro Nia", unue en la okcidentatura kaj due en latinlitera skriboj (laŭ liturgi-libreto publicita en 1977 en FRG).

2.1. La longa kaj turmentoplena vivo de la aturoj ne ĉiam estas samigebla je la vivo de la siria (iĝinta poste nestoria kaj monofizisma) eklezio, ankaŭ se ĝi estas ligita grandparte kun la historio de ĉi tiuj konfesioj.

Mi ne povas ĉi tie reiri la longan vojon de la atura etno, kiun aturoj mem volas malantaŭen irigi al la imperio de Ninivo (multaj knabinoj havas la nomon Ninive), nek mi povas fari detalan analizon pri leksemoj kaj strukturoj, kiuj ŝajnas kunligi ilian lingvon pli al la aramea lingvo de la komenco de la kristana epoko ol al la klasika lingvo de Afraate kaj Sankta Efrem, kiun uzis la siria eklezio.

La historio de aturoj disvolviĝis sub la influo de la enaj kontraŭstaroj en la orienta kristanaro, sed eĉ pli grandan signon stampis en ĝin la politikaj okazaĵoj de la maŝrekaj landoj kaj la rilatoj, kiuj tra la jaroj ekestis, inter malplimultoj kaj hegemoniaj plimultoj. La Partoj, la Roma Imperio, la Sasanida Imperio, la ĥalifa regado, la il-ĥan-ida imperio, la kruckavaliroj (por aludi nur la plej antikvajn regantojn) kaj la modernaj naciaj ŝtatoj kunportis por tiu ĉi popolo tiom da adaptiĝ-etapoj, tiom da alkulturiĝoj, kiuj lastanalize konsistigas la kaŭzojn de la nunaj enaj malsamecoj kaj de la longa izoleco de la malsamaj grupoj. Efekto de moderniĝo de maŝrekaj landoj estis, paradokse, donado al aturoj de puŝo al nacia re-kun-iĝo kaj samtempe de grandskala migra disiĝo.

3.1. Indas, do, klopodi fiksi la nunan diseco-situacion per kunmetado de informoj, kiuj tamen restas partaj kaj foje kontraŭ diraj. Eĉ la demando: "Kiom estas aturoj?" starigas grandajn nombrad-problemojn.

3.2. La du plej grandaj loĝlokoj estas tiuj en Irakujo kaj Iranujo. Aturoj komence loĝantaj en la montaraj partoj de Azerbajĝano kaj irana Kurdujo, en la montaraj vilaĝoj de Tiari kaj Akkari aŭ en la ĉirkaŭaĵoj de Mosulo, spertis al-urb-iĝon kaj, en la lastaj tempoj, elmigradon al Eŭropo kaj ĉefe al Usono kaj Aŭstralio. Malgraŭ tio la loĝantoj de ĉi tiuj lando-

partoj precipe vivas apud la originaj lokoj. Sed eĉ pri ili oni ne kapablas kunmeti certajn informojn. En 1976-a F.A.Penakjeti atribuis al la komunumo formata de aturoj nomataj "kaldeoj" kaj "siroj" ("uniatoj", kiuj estas iamaj respektive nestori-konfesiuloj kaj jakobit-konfesiuloj) kaj de irakaj jakobitoj grandecon de 200.000 homoj, sed la Amasa Kunveno pri Aturaj Rajtoj (Mass Meeting on Assyrian Rights) okazinta la 19-an de marto 1978-a zorge de "Bet Naharain Democratic Party" en Ĉikago taksis la aturan komunumon en Irakujo je 1.000.000 da homoj. Tial ke aturoj el irana Azerbajĝano kaj turka Kurdujo, elmigrintaj al Irakujo post la dua mondmilito (kiujn Penakjeti preteratentas en siaj kalkuladoj), estas certe malplimultaj rilate la ceterajn irakajn aturojn, demografia pliiĝo je 250 % dum unu jaro estas altgrade neverŝajna. Konklude, la konfrontitaj nombroj estas kontraŭdiraj; preskaŭ certe tiuj indikitaj de Penakjeti estas pli verŝajnaj, sed en ĉi tiu kazo, kiel en aliaj, oni sentas nepran bezonon pri pli akurata kontrolo.

Malpli komplika estas la irana situacio: En Iranujo vivas proksimume 250.000 kristanoj. Se ni dekalkulas la multnombran armenan komunumon (160.000 anoj) restas akceptebla nombro de 20.000/25.000 katolikaj kaldeoj (la popolnombrado en Teherano ne estas kompleta, kaj tio povas kuntreni diferencon de pli ol 1.000 homoj) kaj 135.000 aturoj de la orienta eklezio (kiu antaŭ la alveno de okcidentaj misiistoj estis nomata "nestoria", sed tiu ĉi esprimo iĝis poste aĉiga). Se oni konsideras ke ekzistas granda nombro da miksaj geedzecoj ene de la konfesioj kaj ke la nombro de 250.000 kristanoj en Iranujo estas rondigita supren laŭ ŝajno, nia kalkulo pli proksimas al la realo ol tiu pri la iraka komunumo.

La atura komunumo jakobit-konfesia loĝanta en Turkujo, en la ĉirkaŭaĵoj de Mardin kaj Midyat, kiun mi vizitis pasintoktobre, nun jam konsistas nur el malmultaj anoj en la urboj kaj el kelkaj malriĉaj vilaĝoj en la lando-eno (proksimume 2.000 homoj). Granda parto de tiuj ĉi aturoj elmigris al Svedujo.

3.3. Jen malfermiĝas ĉapitro pri la diasporo, pri kiu oni devas fidi la presorganojn kiuj ĝenerale estas malmulte precizaj.

Aturoj en Svedujo estus 8.000, el kiuj 1.500 rifuĝintaj el Libano, laŭ "Assyrian Sentinel", dum la irana "Atur", n-ro 143, parolas pri 6.000, el kiuj 3.000 nur en Södertälje. Tiuj ĉi enmigrintoj estis ĵus envolvitaj en rasismaj okazintaĵoj. Ankaŭ ĉi-kaze oni rajtas korekti la klakulon per minus-ado inter la sumaj 8.000 kaj la 1.500 rifuĝintoj el Libano, kiujn "Atur" eblis ne enkalkulis. Tiel oni havas diferencon de nur (?) 500 homoj.

En Londono vivas 1.500 aturoj, kiuj ĵus akiris propran kunvenejon, "Bet-Aturaye", kiu estas, kiel aliaj samspecaj ejoj dissemitaj tra la diasporo, centro por politika kuniĝo de la tiea komunumo.

Francujo gastigas ĉie, de Liono al Marsejo, malgrandajn aturajn kernojn. Temas precipe pri intelektuloj, kiuj havis siajn unuajn kontaktojn kun la franca kulturo tra la agado de la lazar-anaj misiistoj en la ebenaĵo de Urmio.

Verŝajne en Ateno vivas, atendante vizon, proksimume 6.000 aturoj intencantaj vojaĝi al pli riĉaj landoj, kiuj ofertus al ili laboreblecojn. Tamen tie ekzistas ankaŭ grekia, daŭre enloĝanta kaj organizita atura komunumo.

Male, mi ne kapablas nun doni informojn pri la atura komunumo loĝanta en sovetia Azerbajĝano, kiu eble estas sufiĉe multenombra.

La influo de elmigrintaj komunumoj en la atura vivo estas proporcia ne nur al nombro, sed ankaŭ al ilia financa stato. Pro tio apartan aktivan rolon ludas la komunumoj loĝantaj en Aŭstralio kaj Usono. La unua konsistas el iom malpli ol 4.000 membroj, kiuj dum la lastaj jaroj rimarkigas en ĉiam pli decida maniero sian ĉeeston, kiel la ne multnombra elmigrintaro en Federacia Respubliko Germanujo, proksimume 5.000 homoj, kiu tamen restas ankoraŭ ne tre aktiva. /Vidu la redakcian noton fine de la artikolo./

Usono gastigas pli ol 30.000 aturojn. La nombra forto kaj la riĉo de tiu ĉi komunumo igas ĝin ludi unuarangan funkcion pri kunligo inter la propraj spertoj kaj tiuj de aliaj landoj kaj igas ĝin pezi ne malmulte rilate la elektojn kaj iniciatojn de la "Atura Universala Ligo". Usonaj aturoj, komence migrintaj ĉefe al Detroit kiel ne kvalifikitaj laboristoj en la sektoro de la aŭtomobila industrio kaj de transportoj, nun estas dissemitaj iom tra la tuta teritorio de Usono. Foje ili supergrimpis sociajn tavoldiferencojn ĝis sociaj kaj politikaj postenoj, ankaŭ ekster la propra komunumo, kiuj estas vere rimarkindaj. La ĉeesto en Usono de la Patriarko de la Orienta Eklezio (nun jam de jarcentoj hereda titolo, kiu iras de onklo al nevo) konsistigas ne duarangan, kernecan pozicion de tiu ĉi komunumo. La murdo de la lasta patriarko, Catholicos, antaŭ la nuna patriarko reliefigis, preter la bruo pri la fakto mem, spurojn de ia centreco de la atura problemo, kiujn oni taksis tute malaperintaj.

4.1. La socia organiziĝo de aturoj varias laŭ riĉo de la komunumoj kaj politikaj reg-formoj en la gastigantaj landoj. La tre disvastiĝinta asociaro estas tre multe disbranĉiĝinta kaj kunigita per la Universala Ligo, kies sidejo estas en Ĝenevo. Oni trovas naciajn asociojn, junularajn asociojn, lokajn kaj urbajn komitatojn, kiuj kapablas produkti gazetojn kaj radio-programojn, kiel en Usono, kaj kvazaŭ-kaŝajn organizaĵojn, kiuj apogas sin al unu aŭ alia religia komunumo. La socia kaj kultura agado, en kiu partoprenas ankaŭ la maronitaj libanaj elmigrintoj, baziĝas preskaŭ ĉie sur lernejoj por lernado de la origina lingvo, iniciatoj pri historia kaj historia-religia esplorado, aranĝado de civitanaj kaj ĉefe religiaj festoj.

4.2. Por kapti la kompl ksecon kaj apartecojn oni devus reviziti la tutan historion landon post lando kaj urbon post urbo. La apartecoj de la lokaj situacioj povas esti facile komprenataj, se oni pensas ke en maŝrekaj landoj aturoj estis aŭ estas en kontakto kun grandegaj fenomenoj, kiaj la libana gerilo, la kurda ribelo, la iranaj okazintaĵoj (por citi nur la lastajn eventojn), dum restas esplorindaj aturaj viv-manieroj ĉe kontaktoj kun la okcidenta industria civilizo aŭ en grandaj iranaj urboj. Esploro pri aturoj pelas nin ĝuste al akiro de tiuj ĉi specifecoj, en la espero de ebla ĉentrado de kompleta bildo, kiu favoru la rezisto- kaj kuniĝo-procezojn de ĉi tiu popolo.

Marjo Nordjo
Universitato de Venecio

(Tradukis: Renato Korseti)

<u>Bibliografiaj indikoj</u>

Kompleta kaj ĝisdata bibliografio pri la atura lingvo troviĝas en la verko "Grammatik der modernen assyrischen Sprache" (traduko de la itala "Grammatica di Assiro Moderno", Napoli, 1971) de G. Tsereteli, aperinta en 1978 en VEB Verlag Enzyklopädie, Leipzig; la verko estas science reviziita fare de F.A.Pennacchietti.

Pri la regaj-administraj rilatoj inter la atura malplimulto kaj la irana ŝtato aperos artikolo de la verkinto de tiu ĉi artikolo en la referaĵoj de la 1-a Internacia Interlingvistika Kongreso okazinta en Budapeŝto en julio 1978.

Mallonga pritrakto pri la atura malplimulto en Irakujo estas en la artikolo de F.A.Pennacchietti en: R. Corsetti, "Lingua e Politica", Officina, Roma, 1976.

<u>Redakcia noto</u>

La malgranda atura komunumo en FRG ŝajnas tamen relative vigla: Jam de certa tempo ekzistas "Atura Unuiĝo Berlino" kaj almenaŭ de 1978 eldonatas dumonata 24-paĝa revueto "Egartho" (t.e. "Mesaĝo"), kaj la 30-an de decembro 1978 la aturoj fondis en Augsburg la "Mezopotamian Asocion".

* * * * * * * * * * * *

# LA BRETONOJ MEM KREIS SIAJN LERNEJOJN

En 1976 naskiĝis la asocio DIWAN (prononcu: diŭán) fondita de gepatroj de lernantoj kiuj decidis mem krei elementajn lernejojn en la bretona lingvo. En 1977 malfermiĝis 4 lernejoj, nun 9 funkcias. Proksimume 1oo infanoj, 2- ĝis 6-jaraj, vizitadas tiujn 9 lernejojn.




Kiom gravas krei tre frue intimajn rilatojn de la infanoj kun sia vera etna lingvo!

KIAL KREIĜIS DIWAN?

Ekde la komenciĝo de la 2o-a jarcento la franca edukadministracio organizis naciskalan detruon de ĉiuj regionaj lingvoj kaj identoj, celante unuigi la nacion kaj egaligi ĉiujn nacianojn. La bretona lingvo oficiale ne plu ekzistis de tiu tempo; nur ĉirkaŭ 197o la regionaj lingvoj akiris partan agnoskon de la franca edukadministracio kaj fariĝis nedevigaj studobjektoj por la abiturienta ekzameno. - Bretonoj konsciiĝis ke la pluvivo de la lingvo ligiĝas al la praktikado de la lingvo far la infanoj, ke tiu praktikado estas grave minacata pro la ĉiea trudo kaj uzo (radia, gazeta, televida, lerneja, vara ...) de la franca lingvo eĉ en la familia vivo. Ili konsciiĝis ke nur lernejo en la bretona lingvo aldone al vivo en bretonlingva familio kapablas plu vivteni la lingvon. Post multnombraj sukcesaj peticioj kaj petoj, sed fronte al la surdeco de la franca edukadministracio, gepatroj de lernantoj decidis mem krei siajn elementajn lernejojn bretonlingvajn. Pro tio kreiĝis la asocio DIWAN (t.e. "grajnaro") kiu arigas gepatrojn, kiuj deziras - laŭ la vaska modelo - bretone eduki siajn infanojn. La francaj leĝoj trudas franclingvan edukadon al ĉiuj nacianoj ekde la 7-jariĝo, sed precizigas nenion pri la antaŭaj jaroj; konsekvence la infanoj povas bretone vivi en lernejoj dum 3 aŭ 4 jaroj antaŭ ol frekventi la devigan nacian franclingvan lernejon.

KIEL FUNKCIAS DIWAN?

DIWAN volas esti publika servo (ankoraŭ ne agnoskita de la franca ŝtato) kies lernejoj estas senpagaj kaj laikaj kiel la aliaj naciaj lernejoj. Por esti edukisto de DIWAN necesas esti sperta bretonlingvulo; DIWAN ne postulas de ili apartajn diplomojn, ĉar la taŭgaj studoj kaj diplomoj ankoraŭ ne ekzistas por prepari tiujn edukistojn. Tiuj ĉi formiĝas dum unujara staĝo en la DIWAN-aj lernejoj antaŭ ol mem gvidi tian. Poste, laŭstatute, ili




La numeroj indikas la nombron de bretonlingvaj lernejoj en la koncernata departemento.

partoprenas, dufoje jare, staĝon en similaj vaskaj lernejoj en suda Francujo. - La uzata pedagogio inspirita de la metodo Freinet estas nerekta, bazita sur renkontiĝoj, sur la praktiko. La lernejoj estas malfermitaj al ĉiuj; la gepatroj kaj aliaj personoj povas partopreni bretone en la klasoj; ankaŭ la infanoj ofte eliras por renkonti bretonlingvajn loĝantojn kaj malkovri la naturon.
Por akcepti lernanton, DIWAN postulas de la gepatroj la konon aŭ almenaŭ la lernadon de la bretona lingvo por plifaciligi la enradikiĝon de la bretona grajno en la infano, por ke ne ekzistu rompo inter la hejmo kaj la lernejo.
La lernejoj DIWAN tute ne estas por nuraj konsumantoj, sed por aktivaj respondecaj plenkreskuloj. DIWAN postulas pli da respondecoj kaj da partopreno de la gepatroj en la lerneja funkciado. La gepatroj kaj la edukistoj mem prizorgas la funkciadon de la manĝejo, helpataj de subtenkomitatoj en la serĉado de monrimedoj por pagi la edukistojn, la ejojn, la materialojn. La laboro de la edukistoj estas diskutata kun la gepatroj en regulaj kunvenoj.

KIEL VIVAS DIWAN?

DIWAN ricevas monhelpon per subvencioj de departementaj konsilantaroj, de magistratoj, per la solidareco de la bretonaj spektaklofarantoj, kantistoj kaj muzikistoj (kiuj postulas unu plian frankon ĉe la enirejo de siaj spektakloj, por DIWAN), per propraj spektakloj, per donacoj. Materian helpon DIWAN ricevas de tiuj urboj kies magistratoj favoras la movadon kaj kiuj disponebligas ejojn aŭ donacas studmaterialon , ..... Edukisto monate kostas proksimume 3.3oo,- francajn frankojn al DIWAN (en 1978).

KIE FUNKCIAS DIWAN?

Grandparte en la departemento Finistero, kie situas 5 lernejoj. Du lernejoj funkcias ekster bretonlingvujo, en Rennes kaj Nantes, kiuj estas la ĉefaj okcidentaj urboj kiuj allogis multajn laborserĉantajn bretonojn. Tie troviĝas la universitatoj.

KIUJ LERNANTOJ FREKVENTAS DIWAN-LERNEJON?

Ŝajnas ke la gepatroj kiuj decidis enskribi siajn infanojn en la DIWAN-lernejoj apartenas al la mezaj klasoj kaj estas homoj kiuj suferis pro lingva elradikiĝo kaj, do, ofte konscias pri la lingvaj problemoj.

(Tiu ĉi teksto resumas informojn donitajn, en intervjuo, de s-ro Yvon Abiven, respondeculo de DIWAN, F-29223 Sant Tegoneg, kaj estas preparita por ETNISMO far Christian Bertin, sekretario de la Esperanto-Klubo de Rennes, 4, Résidence St. Jean-Baptiste de la Salle, F-35ooo Rennes.)

<u>Atentigo</u>

La ĉi-supre menciita klubo, kunlabore kun bretonlingva asocio, publikigis tri tre belajn salutkartojn, kun mallongaj tekstoj en la bretona kaj en la Internacia Lingvo. Jen la prezoj (inkluzive sendokostojn): 1 ekz. - 3,7o FF, 1o ekz. - 19,8o FF, 2o ekz. - 35,-- FF, 5o ekz. - 75,5o FF, 1oo ekz. - 129,2o FF, 2oo ekz. - 218,4o FF. Mendu ĉe la indikita adreso!

* * * * * * * * * * *

# LEGINDAS.....

La ĉi-sekvaj linioj neniel pretendas recenzi la menciitajn librojn nek prezenti normala-sencan bibliografion. Ili tutsimple celas atentigi la legantojn pri kelkaj verkoj interesaj, tamen iel ligitaj al temoj traktitaj en tiu ĉi numero de ETNISMO.

## E Ŭ S K A D I O

Euskaltzaindia/Real Academia de la Lengua Vasca: EL LIBRO BLANCO DEL EUSKARA; Bilbao, 1977, 687 p., 16,5 x 23,5 cm, 35,-- gm.

Aro da elstaraj vaskologoj ĉirkaŭ Michelena kaj Villasante parolas pri aspektoj de lingvistiko/socilingvistiko kiel simbolismo, funkcioj de lingvoj, lingvo kaj homa sociiĝo, lingvo kaj kulturo, dialekto kaj lingvo, patrujo, nacio, ŝtato, federalismo kaj centrismo, lingvopolitiko, la eŭskera kaj ties literaturo, historio de la eŭskera, situacio de aliaj minoritataj lingvoj, dulingveco k.a.

Luis C.-Núñez: OPRESION Y DEFENSA DEL EUSKERA; Editorial Thertoa, San Sebastián, 1977, 114 p., 13 x 2o cm, 7,5o gm.

Tiu ĉi aŭtoro skizas la teritorion de la eŭskera lingvo, la nombron de ties parolantoj, la dialektojn, la sociajn trajtojn de la vaskoj, la aplik-okazojn kaj -manierojn de la eŭskera kaj la analfabetecon rilate la propran lingvon. En la dua parto li dokumentas la plimultiĝon de la eŭskeraj libroj kaj periodaĵoj kaj la aktivecojn de la "ikastoloj", t.e. la eŭskerlingvaj lernejoj. Fine aperas "Manifesto por la Oficialeco de la Eŭskera".

Xabier Gereño: METODO DE EUSKARA / EUSKARA IKASTEKO METODOA; Cinsa, Bilbao, 1976, 176 p., 16 x 23 cm, + 2 kasetoj, 28,-- gm (sen kasetoj: 8,-- gm).

La lernolibro enhavas 4o lecionojn, kiuj konsistas el vortareto, gramatikaj eksplikoj kaj 15 - 25 frazetoj. Krome enestas tabeloj pri la konjugacioj kaj deklinacioj. La kasetoj aŭskultigas la frazarojn de ĉiuj lecionoj, en la kastilia kaj eŭskera (ekzistas alia eldono de la libro kun la frazaroj en la angla kaj eŭskera).

## A S T U R I O

A.Mª Cano González/Mª V. Conde Sáiz/J.L. García Arias/F. García González: GRAMATICA BABLE; Ediciones Naranco, Oviedo (?), 1976, 117 p., 15 x 21 cm, 1o,-- gm.

Tiu ĉi gramatiko klopodas vidi la diversajn dialektojn de la astura lingvo kiel faskon prezentante la variaĵojn plej gravajn laŭ la regionoj. Estas aldonitaj pluraj mapetoj kaj diversdialektaj tekstetoj.

Jesús Neira: EL BABLE - ESTRUCTURA E HISTORIA; vol. 12 de "Colección Popular Asturiana", Ayalga-Ediciones, Salinas, 1976, 245 p., 1o,5 x 18 cm, 8,-- gm (?).

Neira, verva defendanto de la teorio pri la kastili-dialekteco de la astura lingvaĵo, priskribas la eksteran historian vojon de la asturaj dialektoj, la internan evoluon kaj la gramatikon. Ankaŭ li aldonas kelkajn tekstospecimenojn.

Lorenzo Novo Mier: DICIONARIU XENERAL DE LA LLINGUA ASTURIANA; Asturlibros Ediciones, Oviedo, 1979, 311 p., 13 x 19 cm, 15,-- gm.

La intenco de la aŭtoro estas plej klara: kontribui al la firmigo de unueca formo de la astura lingvo, samrajta frato latinida de la kastilia, kataluna, portugala-galega kaj aragona, por listigi nur tiujn de la ibera duoninsulo. Interesas ankaŭ la apendica vortareto pri la asturia minado.

( ankaŭ la ĉi-sekvaj verkoj L E G I N D A S )

J.L. García Arias: BABLE Y REGIONALISMO; Ediciones Naranco (?), Oviedo, 1975, 113 p., 15 x 21 cm, 5,-- gm.

Temas pri dokumentado pri eldiroj de pli-malpli famaj asturianoj ri-la regionan lingvon, de 18oo ĝis nun.

Universid d'Uvieu, Serviciu Publicaciones: ESTUDIOS Y TRABAYOS DEL SEMINA-RIU DE LLINGUA ASTURIANA, I; Oviedo, 1978, 81 p., 2o,5 x 29 cm, 8,--gm.

Tiu ĉi kajero enhavas kontribuaĵojn pri la lingva situacio de Asturio antaŭ la alveno de la romianoj, pri du substantivaj sistemoj en la "bable"-formoj, pri alparol-formuloj en la parolata lingvo, pri du-lingveco, pri poemoj atribuitaj al asturianoj kiel prezentantoj, kaj aron da nuntempaj poemoj.

Arturo Martín Alonso: ASTURIAS ANTE EUROPA; Caja de Ahorros de Asturias, Oviedo, 1977, 347 p., 17 x 24 cm, senkosta.

Tiu ĉi volumo studas la soci-ekonomian situacion de Asturio kompare kun aliaj eŭropaj regionoj kaj eksplicite sub la vidpunkto de la as-pirata membriĝo de Hispanio en la Eŭropaj Komunumoj. La 5o-paĝa apen-dico montras pli ol 3o kolorajn mapetojn pri loĝdenseco, klimato, el-migrado, laborantaro, enspezoj mezumaj, agrikulturo, industrio, ser-voj en la regionoj de la 9 EK-ŝtatoj kaj de Hispanio.

## A S T U R I O   KAJ   A N D A L U Z I O

Diego Terrero/Teodoro Cuesta: ANDALUCIA Y ASTURIAS - POLEMICA EN ANDALUZ Y BABLE; Biblioteca Popular Asturiana, Gijón, 1977, 77 p., 13,5 x 19 cm, 3,-- gm.

Tekstoj de leteroj inter la du aŭtoroj el la jaroj 187o ĝis 1881 en la andaluza kaj la astura, kun tre ĉarmaj ilustraĵoj.

## H I S P A N I O   (ĜENERALE)

Miguel Diez/Francisco Morales/Angel Sabín: LAS LENGUAS DE ESPAÑA; Minis-terio de Educación y Ciencia, INCIE, Madrid, 1977, 44o p., 11 x 17,5 cm, 12,-- gm (?).

Enkonduke temas pri lingvoj, parolata kaj skribata lingvaĵoj, dialek-toj, regionaj parolformoj, lingvistiko; la du centraj ĉefĉapitroj klarigas la ekeston, evoluon kaj hodiaŭan staton de la kastilia; la lasta, 8o-paĝa ĉapitro skizas la eŭskeran, galegan kaj katalunan. Es-tas ege laŭdinde ke tiu ĉi volumo metas sub la okulojn de la leganto ampleksan kolekton de tekstoj priskribaj koncerne la unuopajn ling-vojn tra la jarcentoj kaj kolekton de specimenoj (kun tradukoj en la kastilia).

Carles Gispert/Josep Mª Prats: ESPAÑA: UN ESTADO PLURINACIONAL; Editorial Blume, Barcelona, 1978, 343 p., 11,5 x 19 cm, 14,-- gm.

La aŭtoroj, katalunoj, priskribas la buntan kalejdoskopon de la re-gionismo hispana pledante fine por federalismo kiel alternativo de la estonto.

Ramón Tamames: INTRODUCCION A LA ECONOMIA ESPAÑOLA; Alianza Editorial, vol. 9o, Madrid, 1978, 12-a eldono (!) pliampleksigita kaj aktuali-gita, 5o7 p., 11 x 18 cm, 9,-- gm.

La fakto ke temas pri la 12-a eldono (la 1-a aperis en 1967) subtenas la aserton ke temas pri la plej taŭga enkonduka libro en la hispanan ekonomion. Abundas tabeloj kaj komentitaj grafikaĵoj. Ĉio ĉi konside-rendas kiam oni volas penetri la regionisman problemaron!

* * * * * * * * * * *

# IKEL-INFORMILO 2

# DU KUNSIDOJ

1) La unua laŭstatuta membrokunveno de la INTERNACIA KOMITATO POR ETNAJ LIBERECOJ ( IKEL ) estas kunvokita de la estraro (komparu ETNISMO-n 2o, p. 27). Jen kelkaj detaloj:

Loko: Lucerno (Svislando) Ejo: "Kunst- und Kongreßhaus" (Art- kaj Kongresdomo, kongresejo de la 64-a Universala Kongreso de Esperanto), salono "Privat"

Dato: 3o-a de julio 1979 (lundo)

Horo: 12.15 - 13.15 h

Provizora tagordo:

1. Malfermo, konstato pri voĉdonrajto kaj definitivigo de la tagordo;
2. Informo pri la membrostato kaj la financoj;
3. Diskutado pri la estonta agado (kp. punkton 2 de la statuto);
4. Elekto de la estraro;
5. Diversaĵoj.

Atentigoj:

- Ĉiu membro kiu ne povos ĉeesti tiun kunvenon rajtas, laŭ punkto 4.1.3. de la statuto, skribe komisii alian membron voĉdoni anstataŭe.
- En ero 3 de tagordo estos diskutendaj i.a. jenaj aferoj:
  (a) sistemigo de kolekatado de informoj pri etnaj problemoj;
  (b) metodoj de diskonatigo de tiuj informoj;
  (c) interveno ĉe aŭtoritatoj koncerne etnajn problemojn;
  (ĉ) kunlaboro kun Asocio Internacia por la Defendo de la Minacataj Lingvoj kaj Kulturoj (AIDMLK) kaj Universala Esperanto-Asocio (UEA);
  (d) organo por oficialaj informoj de IKEL.
- Nemembroj rajtos partopreni la kunvenon kaj la diskutojn, kondiĉe ke la membrokunveno ne decidos male; ili tamen ne rajtos voĉdoni.

2) Kadre de la 64-a UK, IKEL aranĝos publikan diskutkunvenon pri la temo

KURDOJ, ARMENOJ KAJ ALIAJ ETNOJ INTER LA KASPIA, NIGRA KAJ MEDITERANEA MAROJ.

Ĝi okazos ĴAŬDON, la 2-an de aŭgusto 1979, de la 15.45 ĝis la 17.45 h en la salono "Silbernik", en la UK-ejo.

ĈIUJ ESTOS BONVENAJ!

2o. o4. 1979 Nome de la estraro: Uwe Joachim Moritz

---

**Etnismo** *Informilo pri etnaj problemoj*

Eldonas kaj redaktas: Uwe Joachim MORITZ, Feldstr. 38, D-519o STOLBERG 8(FRG), tel.: (49-24o2) 72336, poŝtĝirkonto: 232612-3o6 Hannover.

ETNISMO aperas 3 fojojn jare. Tiu ĉi estas la unua numero de 1979.

Jarabono (kalendara jaro): 8,-- gm (aŭ 1o internaciaj respondkuponoj). Nepre NE sendu ĉekojn sen antaŭa interkonsento! Evitu BANKAJN ĝirojn el eksterlando. Kaze de ĉeko aŭ internacia banka ĝiro mia banko kutime subtrahas siajn kostojn el la ĝiraĵo/ĉeksumo, kaj ETNISMO ..... perdas!